# KONTAKTO

NUMERO 210 (2005:6)

ISSN 0023-3692





Feliĉan Novjaron! عيد مبارک! Soli navi khusx-
bakxtonaro tamanno menamojam! 새해 복 많이
받으세요! Bonne année! С новым годом! Feliç
any nou! La mulţi ani! Честита нова година!
Próspero año nuevo! Happy New Year! 謹賀新年
חג אורים שמח Ein glückliches Neujahr! З новим
роком! Onnellista Uutta Vuotta! نوروز مبارک Feliz
Ano Novo! 新年快乐 Felice Anno Nuovo! A blw-
yddyn newydd dda! Boldog új évet! Yangi yil
bilan! Gott Nytt År! חג חנוכה שמח Срећна Нова
година! Szczęśliwego Nowego Roku! Šťastný
nový rok! 新年快樂 Gelukkig nieuwjaar!
明けましておめでとうございます。 Geluk-
kige Nuwe Jaar! Gëzuar vitin e ri! Kamgan Uku-
digaa! Gozhqq Keshmish! З Новым годам!
Aliheli'sdi Itse Udetiyvsadisv! Sretna Nova
Godina! Godt Nytår! Beannachtaí an tSéasúir!
Hauoli Makahiki Hou! Ευτυχισμένο το Νέο Έτος!
Alassëa Vinyarië! Pace e salute! Urte berri on!
Head uut aastat! Felix sit annus novus! Laimingų
Naujųjų Metų! Laimīgo Jauno gadu! Шинэ
жилийн баярын мэнд хvргэе! Sena gdida mim-
lija risq! Mwaka mzuri! Chúc mừng năm mới! A
gut yohr! Yana yel belen! E gudd neit Joër!







Saluton!

En la jaro 2005 ni pridiskutis multajn gravajn, interesajn kaj tre seriozajn temojn – organizaĵojn, familiojn, civilizaciojn, terorismon, politikon kaj malriĉecon... Kaj jen venis la tempo por la lasta numero de tiu ĉi jaro – kaj temas pri festoj! La vivo sen festoj estas enua, kaj ĉiu popolo havas siajn manierojn festi – same unikajn kaj neripeteblajn kiel iliaj lingvoj. Kaj esperantistoj estas same festemaj kiel ili estas lingvemaj – tio klarigas la grandan nombron de kontribuoj, kiujn ni ricevis por tiu ĉi numero!

En la tempo, kiam mi tajpas ĉi tiujn vortojn, ĵus finiĝis unu el la plej gravaj festoj por Usono – Dankofesto. Laŭ la legendo, la unuan fojon festis britaj enmigrintoj en 1620. Ĝin festas anoj de ĉiuj religioj kaj ankaŭ ateistoj – kaj temas pri vere bela, bunta familia festo, kun multe da manĝaĵoj kaj nepraj **meleagro** kaj **oksikoka** saŭco, impona parado kun grandegaj balonoj en Novjorko, kiun oni spektas ĉie tra la lando. La sekvan vendredon (Dankofesto ĉiam okazas ĵaŭde) oni nomas "Nigra Vendredo" – tiutage ĉiuj vendejoj donas grandegajn (foje 50-70% aŭ eĉ pli!) rabatojn, kaj multaj homoj, por esti la unuaj en la vendejo, eĉ prenas dormosakojn kaj dormas ĉe la vendejo! Ĉirkaŭ la kvina matene jam estas amasoj da homoj ĉe la vendejoj, kaj komenciĝas la granda "kapt-kaj-kuro" por la rabatitaj varoj (la plej malmultekostaj aĵoj ĉiam estas malpli multaj ol la venintaj homoj), kiu por iu nepre finiĝos en la hospitalo.

En tiu ĉi numero vi legos pri la unuaprila humurfesto en Odeso – la ĉefurbo de humuro en la tuta iama Sovetunio (p. 3-4); pri la "pacemaj sapvezikoj" en Belorusio (p. 4) – la neperforta rimedo aŭdigi pri si kaj ankaŭ perfekta medio por reklami Esperanton! Vi lernos ankaŭ, kiujn festojn oni festas en Finnlando kaj Togolando (p. 5), Uzbekio (8-9), Ĉinio (10-11), Rusio kaj Taĝikio (12); konatiĝos kun nia nova mondvojaĝanto – Marino Curnis, el Italio (p. 6-7); partoprenos tre nekutiman koncerton, okazintan en Japanio (p. 10); ekscios pri tio, kiel ksosaj knaboj fariĝas viroj (p. 11); vi lernos ankaŭ, ke en Israelo, fama pro siaj multaj festoj, unu plena tago de la jaro estas dediĉita al la funebro. Atendas vin ankaŭ bela rakonto el Ĉinio pri *lisu-oj* – la nacio, kiu ĝis nun uzas glitkablon por transiri la riverojn; recenzo pri la unua disko de nia ĉefkorektisto – Paŭlo Moĵajev (gratulojn, Paŭlo!) kaj multaj "bumerangoj".

Mi volas kore danki ĉiujn niajn aŭtorojn kaj legantojn, kiuj regule kontribuis al *Kontakto* (aŭ abonis ĝin) en 2005! Ni esperas ke vi jam remembriĝis en TEJO kaj abonis vian revuon (aŭ baldaŭ faros). Ni tre atendas viajn komunikaĵojn – artikolojn, rimarkojn, ideojn, kritikojn...

Agrablan legadon – kaj ĝis la revido en 2006!

*Ĵenja*

**meleagro** – sufiĉe granda birdo, kiu devenas de Nord-Ameriko
**oksikokoj** – acide-dolĉaj etaj ruĝaj beroj, kiuj kreskas en la nordo de Eŭropo, Ameriko kaj Azio

## <ENHAVO>



## Provizoraj temoj de *Kontakto* en 2006

2006:1. KIE MITOJ KAJ REALECO INTERPLEKTIĜAS.
2006:2. VEGETARANISMO/BESTAJ RAJTOJ. Limdato: 1-a de februaro.
2006:3. LINGVOJ. Limdato: 1-a de aprilo.
2006.4. EGALAJ RAJTOJ/FEMINISMO. Limdato: 1-a de junio.
2006.5. TUTMONDIĜO. Limdato: 1-a de aŭgusto.

Ĉiuj viaj artikoloj, ideoj, konsiloj, rimarkoj estas pli ol bonvenegaj kaj tre bezonataj! Kontaktu la redakcion laŭ la nova adreso: Kontakto, 16800 Phillips Rd. Alpharetta, GA 30004 Usono; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. Se vi sendis ion al la malnova adreso, ne timu, via letero ĉiukaze atingos la redakcion, simple kun ioma malfruo.

**Kiel sendi kontribuojn al *Kontakto*?**

- ✔ sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan
- ✔ se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi
- ✔ *Kontakto* ne estas movada revuo, do *ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!*
- ✔ indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo
- ✔ fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- ✔ dikajn kovertojn prefere sendu registritaj.
- ✔ rete bv. sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv. uzi x-kodon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ✔ ilustraĵoj kaj adresoj en la interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj! **Koran antaŭdankon!**


***Kontakto***: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). **Fondita** en 1963. **N-ro 210** (2005:6), 42-a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ. 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/eldonoj.jsp>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** ✉ Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** *Kontakto,* 16800 Phillips Rd. Alpharetta, GA 30004 Usono; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro, grafikisto:** Eugenia Amis (Ukrainio/Usono). **Vic-redaktoro:** Joel Amis (Usono). **Ĉef-korektisto:** Paŭlo Moĵajev (Ukrainio). **Presado:** Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel Amis (Usono), Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Giancarlo Baraldi (Italio), Morteza Mirbaghian (Irano), Paŭlo Moĵajev (Ukrainio), Saliko, (Finnlando), Behrouz Soroushian (Irano/Francio). **Facillingvaj artikoloj** estas verkitaj en la niveloj t*re facila* kaj *facila,* laŭ la vortolisto de *Kontakto*. Tiu listo aperas kun la unua numero ĉiujare. **Anonctarifo:** Tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30 %. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn por dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu du 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Fort Alexanderstraat 16, NL-5241 XG Rosmalen, Nederlando. ***Kontakto* en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz)): *Radio Havano (Kubo)* Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio/ 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22.00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). *Pola Radio:* elsendoj:13:30/41,23/7 275; ripetoj: 18:00/42.07/7 130; 20:00 kaj 9:30 sekvan tagon (nur per satelito). La satelita ricevo eblas per: Eutelsat II F – 6 – Hot Bird – 13 gradoj de la orienta latitudo; frekvenco 11,474 GHz, polarizado horizontala (H); subportanto 7,38 MHz. <http://www.wrn.org/ondemand/poland.html>, <http://www.radio.com.pl/polonia/esperanto_eo.asp>, <http://start.at/retradio>
***La redakcio kaj la eldonanto ne respondecas pri la opinioj de unuopaj aŭtoroj.***

# Printempo. Kaj Odeso ŝercas bonhumore

*Tatjana Auderskaja, Ukrainio (Odeso), <verda99@mail.ru>**

**Jes, vi ne eraris. La titolo sonas ritme. Nur en versoj decas rakonti pri tiu lavango de humuro kaj gajeco, kiu ĉiujare inundas la ĉemaran urbon Odeso.**

Odeso… La urbo, prikantita en multegaj verkoj de poetoj, pentristoj, muzikistoj kaj ceteraj kreemuloj. La loko, kiu ĉarmas eĉ la plej spertajn vojaĝantojn. Ĉiu vizito al tiu mirinda, plena de legendoj urbo lasas neforgeseblajn impresojn, brilajn rememorojn kaj maron da plezuro pro vagado en kvietaj malnovaj stratetoj, vastaj bulvardoj, freŝigaj verdaj parkoj kaj senkomparaj, tipe odesaj kortetoj. Ĉi tie iam promenis A. S. Puŝkin (1) kaj grafo Voroncov (2), N. V. Gogol (3), I. M. Seĉenov (4), D. I. Mendeleev (5), I. I. Meĉnikov (6); de tie venis I. Iljf kaj Je. Petrov, V. Katajev, Ju. Oleŝa (7) kaj la tuta **plejado** de poetoj-odesanoj. Pri multo memoras Odeso… Tiu ĉi urbo delonge famas kiel kovejo de artistoj, humuristoj kaj diversaj talentaj homoj… Sub suda suno ili kreskas abunde. Sed ekzistas unu tago en la jaro, kiam talenta kaj juna fariĝas la tuta loĝantaro de Odeso: ja viviga **pocio** de bona humoro plaŭdas kaj ŝaŭmas en ĉiuj stratoj.

Tiu tago estas la Unua de Aprilo, La Tago de Humuro, de gajaj ŝercoj. Tiutage oni ne laboras en la urbo; estas oficiala libertago, dediĉita al granda humura festivalo – *Jumorina* (de la rusa *jumor* – humuro). Sur la centraj stratoj iras buntaj procesioj, maskerade kostumitaj, kun ŝercaj sloganoj. Famaj artistoj, alvenintaj el la tuta lando, koncertas sur la improvizitaj scenejoj. Brila plejado de odesanoj (ankaŭ eksodesano ĉiam restas odesano en la animo!) gratulas la popolon okaze de la plej gaja festo, kiun oni festas tiel vaste nur en Odeso! La etoso mem de la fama odesa *Jumorina* inspiras gajecon kaj senzorgon.

Ĝenerale dirite, la unua de aprilo estas la internacia Tago de Humuro, kiun oni festas en diversaj landoj. La historio de tiu tradicio ne klaras. Verŝajne, simple post la vintro la popolo en norda hemisfero deziras malstreĉiĝi kaj forĵeti la ŝarĝon de varmaj vestoj, domsidado kaj obskuraj vintraj tagoj. En Eŭropo oni kunligas la tradicion kun karnavalo, kaj eĉ kun antikva Romio, kie estis festata Tago de Stultuloj, kiam oni adoris la Dion de Rido. Ankaŭ en antikva Hindio la fino de marto estis la Tago de Ŝercoj.

Kutime en tiu tago oni ŝercas kaj trompas neofendige: ekz., en iuj skandinaviaj landoj en tiu tago oni petas infanojn alporti vitran tondilon, lardon de kulo, tranĉilon por bovinaj vostoj... En nia lando la plej kutima estis la ŝerco: "Via dorso estas tute blanka" (tio venas el tiuj tempoj, kiam la **kalkitaj** muroj malavare donacis parton de si mem al ĉiuj preterpasantoj).

Ne ĉiuj landoj konservis la tradicion ĝis nun. Eĉ se jes, ne en ĉiu lando oni festas tiun tagon impone kaj vaste. Kaj tute unikan pozicion ĉi-sence okupas Odeso. En Odeso tiu tago kutime estas libertago, almenaŭ por lernejoj kaj universitatoj. La tuta urbo (precipe junularo) eliras al la stratoj; kaj plenaj busoj kaj trajnoj alportas vizitantojn el multaj urboj de Ukrainio. Ja en nia vivo ne tiom multas gajo por neglekti la pretekston kaj eblon senzorge pasigi almenaŭ unu printempan tagon!

Ne vane tiu festo okazas ĝuste en Odeso: ja Odeso jam delonge estas konsiderata "la ĉefurbo de humuro" ne nur de Ukrainio, sed de la tuta eks-Sovetio. Nia urbo estis fondita kiel havena, malfermita urbo, kaj ĝis nun tie vivas tiuj apartaj trajtoj de la "odesa menso", kiel liberemo, sendependemo, preteco ŝerci pri ĉio, eble, naskitaj de varma suda klimato kaj ĉiam libera maro. Verŝajne, influis ankaŭ la internacieco de Odeso. Ekde komenco ĉi tie, sur la ĵus konkeritaj vastegaj stepoj de la Norda Ĉenigramarujo, laŭ la invito de la rusa imperiestrino Katerino la Granda, ekloĝis reprezentantoj de multaj nacioj. Dekomence tio estis persekutataj de turkoj arnautoj (8) kaj grekoj, poste – italaj kaj francaj komercistoj, germanaj bienuloj... Entute, en Odeso ĝis nun loĝas reprezentantoj de 133 nacioj! Ĉu eblus tia bunta kunvivado sen humuro? Oni ja aŭ batalas kontraŭ tiuj, kiuj malsamas de ni, aŭ ridas kune kun ili, por sublimigi la agresemon en ridon kaj tiel elimini ĝin. Ĉu pro tio aŭ ne, sed Odeso ĉiam estis fama pro la ŝercemo kaj humuremo de siaj loĝantoj. Sed tiu humuro neniam estis akra satiro, primoko aŭ ĉikano. Eble, la suno kaj la maro mildigas la karakterojn?

Tre gravas ke la popolo scipovu ridi. Tio atestas la sanecon de nacio; des pli kiam oni ridas pri si mem. Rigardu ja al la homo kaj al la loko, kie li loĝas. 21 lingvoj de la Eŭropa Unio; kaj oni rezonadas, ĉu traduki ĉiun paroladon 21 x 20 = 420-oble, aŭ kraĉi al ĉio kaj uzi nur unusolan lingvon, sed la anglan. Ĉu ne ridinde? Jes ja, la rido vere kunigas la mondon!

Ĝuste tial odesan *Jumorina*-n ĉiam partoprenas esperantistoj. La humura festivalo "Aprilaj Ridetoj" estis lanĉita en la 80-aj jaroj; kvankam kun interrompoj, ĝi atingis eĉ la nunan tempon. La programo por esperantistoj havas konstantajn erojn: ekzemple, la Urboludon.

Certe, oni povus dece promeni en la urbo, ĝuante la belecon de ĝiaj arkitekturo kaj naturo; sed tio estus tamen iom ordinara kaj monotona, ĉu ne? Ege pli interesa kaj memorinda fariĝas la unua kontakto kun Odeso dum la Urboludo. Nur du horoj sufiĉas por kalkuli (per siaj propraj kruroj!) ĉiujn 192 ŝtupojn de la Potjomkin-ŝtuparo, trovi la bustojn de eminentuloj sur la fasado de l' Operejo, viziti la domon kun vitra tegmento, miregi antaŭ la unumura domo, omaĝi D-ron Zamenhof apud lia monumento kaj konatiĝi kun aliaj, ne malpli interesaj vidindaĵoj de Odeso. Esti en Odeso kaj ne viziti la Operejon estas nepardonebla fuŝo, kiun oni ne povas al si permesi. La Operejo, fiero de ĉiuj



La fama Odesa Operejo



Karnavalo en Odeso estas nepra parto de *Jumorina*

odesanoj, ankaŭ ravas; ne nur per sia pompa arkitekturo, sed ankaŭ per la luksaj internaĵoj, perfekta akustiko, majstreco de l' plenumantoj kaj tiu esenca por Odeso varma gastamo.

La gastoj vizitas ankaŭ privatan muzeon, zoologian ĝardenon, romantikajn odesajn **katakombojn**; ili kamelrajdadas kaj esploras subterajn labirintojn, ludas "Mafion" kaj ĝuas novan filmon en la lingvo Esperanto, kreitan de la Odesa Junulara Esperanto-Klubo "Verdaĵo".

La publiko, kiu kolektiĝas en Odeso por ĝui la Humurtagon, ricevas plenan kontentigon de siaj atendoj. Tiutage vere haveblas ĝuindaĵoj. Sur la ĉefa strato Deribasovskaja jubilas kaj **sparkas** karnavalo, tradicia evento de la odesa *Jumorina*. En kolonoj iras studentoj de odesaj alt-lernejoj kaj etuloj el infanĝardenoj, oficistoj kaj policanoj, piratoj kaj marvirinetoj… Sed la samaj personoj svarmas ankaŭ sur la stratoj de Odeso: ŝminkitaj vizaĝoj, bizare farbitaj haroj, brilantaj perukoj, oreloj kaj nazoj diverskoloraj…

En la korto de la Literatura Muzeo ĉiujare aperas nova monumento al iu fama **protagonisto** de satira, ŝerca aŭ humura literaturaĵo. Tie jam staras monumentoj al la Estonta Odesa Geniulo (en la formo de ovo, el kiu li devas elkoviĝi), al la Odesa Leganto, al la ĉefrolulo de odesaj anekdotoj Rabinoviĉ, al Fiŝistino Sonja, al Odeso-panjo mem...

Muziko ludas. Homoj ridas. Ĝis la vespero bolas la gaja festo sur la odesaj stratoj. Kaj finiĝas la tago per kelkhora festkoncerto sur la placoj de la urbo kaj grandiozaj **piroteknikaĵoj**, kiuj, verŝajne, en tiu festa tago okazas nur en Odeso, la ĉefurbo de la humuro de nia landaro.

* La aŭtoro de tiu ĉi artikolo estas gvidantino de Odesa Junulara E-klubo "Verdaĵo", kiu ĉiujare organizas la unu-aprilan feston "Aprilaj ridetoj"

**kalko** – kalciokcido, CaO – la aĵo, per kiu oni blankigis murojn k.s.; kalkita = blanka
**katakombo** – subteraj vojoj
**plejado** – aro
**pocio** – likva medikamento, kiun oni trinkas pogute; ĉi tie: viviga likvaĵo.
**piroteknikaĵoj** – fajraĵoj
**protagonisto** – ĉefrolulo
**sparko** – fajrero

(1) A. S. PUŜKIN (1799-1837) – rusa poeto, la fondinto de la nova rusa literaturo, kreinto de la nuntempa rusa lingvo.
(2) M. S. VORONCOV (1782-1856) – rusa general-guberniestro, heroo de kelkaj militoj kontraŭ turkoj por liberigo de balkanaj popoloj kaj de la Patruja milito de 1812; fondinto de multaj kulturaj, komercaj kaj industriaj entreprenoj en tiam juna Odeso.
(3) N. V. GOGOL (1809-1852) – rusa kaj ukraina verkisto, aŭtoro de multaj satiraj verkoj.
(4) I. M. SEĈENOV (1829-1905) – rusa sciencisto kaj materiisto, kreinto de la fiziologia skolo, membro de la Sankt-Peterburga Akademio de Sciencoj.
(5) D. I. MENDELEEV (1834-1907) – rusa kemiisto kaj multflanka sciencisto, pedagogo, malkovrinto (1869) de la perioda leĝo de kemiaj elementoj.
(6) I. I. MEĈNIKOV (1845-1916) – rusa biologo kaj patologo, unu el la fondintoj de evolucia embriologio, Nobel-premiito (1908), honora membro de la Sankt-Peterburga Akademio de Sciencoj. En 1886 li fondis en Odeso la unuan en Rusio kaj la duan en la mondo, post la Pariza, Bakteriologian Instituton.
(7) I. ILJF kaj Je. PETROV, V. KATAJEV, Ju. OLEŜA – rusaj verkistoj.
(8) arnautoj (ne N.PIV-a), de la turka (*Arnavut*) – la nomo de albanoj ĉe turkoj. En Rusio antaŭe oni nomis tiel albanajn enmigrantojn.

# Pacemaj sapvezikoj




*Antono VASILJEV, Belorusio*
*<antono.vasiljev@gmail.com>*

**Ĉi-septembre en Minsko (Belorusio) okazis mirinda festo: dum la Tutmonda Tago de Paco (la 21-a de septembro) kelk-cent homoj dum du horoj el-blovadis** sap-vezikojn **sur la ĉef-**placo **de la urbo. La Tutmondan Tagon de Paco Unuiĝintaj Nacioj deklaris en la jaro 2001, kaj ekde tiu jaro sendependaj por-pacaj aktivuloj el Belorusio alvokis homojn veni sur la ĉef-placon por kune el-**blovi **sap-vezikajn nubojn. Oni diras, ke la ideo pri sap-vezikoj naskiĝis el la ideo de Mahatmo GANDHI, laŭ kiu oni ne devas kontraŭ-stari al la malbono per perforto. Do iu decidis, ke sap-vezikoj estas taŭga neperforta vojo esprimi sian pacemon. La festo ĉi-jare estis multe pli bona ol dum la antaŭaj jaroj, kaj mi provos rakonti kiel mi memor-fiksis ĝin.**

Iu sendependa junulara grupo venis al la placo kun popolaj muzikiloj kaj aranĝis malnovan popolan dancon. Necesas diri, ke ĉio okazis subite kaj neatendite. Promenante en la homa amaso, mi ekvidis dense starantan grupon... En la centro de la grupo staris junulo kun muzikilo, kiu similis al **ŝalmo**. Alia junulo rakontis, kiamaniere oni devas danci – kaj post unu minuto homoj jam saltadis kaj rondo-dancis! Mi al-iĝ-is al la dancantoj kun granda plezuro.

Krom **amatoroj** de la popolaj dancoj, amasiĝis proksime ankaŭ rondego de **hipioj** kaj **rok**-amatoroj. Unu muzikisto kantis kantojn de *Pink Floyd*, *Queen*, alia – ion el la rusiaj rok-grupoj: *Ĉiĵ, Ĉajf*, kaj la tria kantis kantojn, kiujn ĉiuj el la partoprenintoj memoras el la infan-aĝo... Sidis apude knabinoj kun **tamburoj** kaj **flutoj** kaj amuzis sian aŭskultantaron per diversaj muzikaĵoj.

La tria rimarkinda afero estas la traduko de la ĉefa informilo pri la aranĝo en Esperanton <http://paco.brainactive.org/index.php>. Post la apero de la traduko en la **interreto**, kelkaj esperantistoj helpis pri tradukado de la alvoka teksto en siajn naciajn lingvojn. Mi ne certas, ĉu ie krom en Belorusio oni aranĝis similan feston, sed tradukoj ja ekzistas... Se paroli pri Belorusio, multaj venintoj al la placo ekkonis aŭ rememoris pri ekzisto de la mirinda neŭtrala lingvo, per kiu popoloj povas fariĝi membroj de la egalrajta lingva grupo.

Bedaŭrinde, malmultaj esperantistoj respondis al mia alvoko organizi ion similan en siaj urboj. Mi opiniis nian komunumon pli agema... La festo ja estas bonega okazo por informi homojn pri nia lingvo kaj rememorigi pri la pacaj celoj de Esperanto. Mi proponas al ĉiuj legantoj de *KONTAKTO* organizi ion similan venont-jare! Ni kune multon povas fari – kaj ni jam havas perfektan ilon por tio!

**amatoro** – neprofesiulo; iu, kiu faras ion liber-tempe
**blovi** – el-igi aeron el la buŝo
**fluto** – blov-muzikilo
**hipio** – homo, kiu rifuzas la kutimojn de la socio de konsumado kaj celas al senperforteco kaj libereco
**interreto** – aro de interligitaj komputiloj
**placo** – libera loko, ĉirkaŭita de domoj
**roko** – uson-devena muziko, naskiĝinta en la 1960-aj jaroj
**sapo** – aĵo por lavi; **sap-veziko** – fluganta rondaĵo, farita el sap-akvo, tra-blovita tra speciala ilo
**ŝalmo** – kano (t.e. ligneca herbo, kun truo ene) kun truoj, per kiuj oni muzikis en antikvaj tempoj; primitiva formo de blov-instrumento (ekz., **fluto**)
**tamburo** – bat-muzikilo

Fotoj: Anečka VASILJEVA kaj Julia STULBA.





# Festi Finnlande – kaj Togolande!

*Aira kaj Erkki* RÖNTYNEN, *Finnlando*

*Kristnaskon* oni festas en Finnlando preskaŭ sam-maniere kiel en multaj okcidentaj landoj. Kompreneble, troviĝas ankaŭ iomaj diferencoj. Kristnasko en Finnlando estas familia festo. Kristnasko-viro, laŭ la kredo, vojaĝas per **boaco** kaj eniras la domon dum la Kristnaska antaŭvespero, disdonante donacojn. Kompreneble, kristnaska arbo kaj saŭno apartenas al la finna heredaĵo.

*Novjare* iuj trinkas ĉampanon aŭ ion alian por la Novjaro. Urboj kaj urbetoj aranĝas piroteknikaĵojn, kaj ankaŭ multaj familioj faras la samon. Bedaŭrinde, foje okazas ankaŭ akcidentoj, se homoj ne estas sufiĉe atentaj.

Por la *Pasko* oni kuiras kaj kolorigas ovojn. Oni kunportas en la domon salikajn branĉojn kun burĝonoj kaj ornamas ilin per koloraj bendoj. Etaj infanoj vestas sin kiel "paskajn sorĉistojn" kaj vizitas domojn: ili bondeziras sanon kaj ricevas "pagon" – bombonojn, iom da mono aŭ ĉokoladovojn. Eksterordinara paskodeserto por finnoj estas *mämmi*, kiu estas farita de **malto** kaj **sekalo**. *Mämmi* estas tre dolĉa frandaĵo, kiun oni manĝas kun kremo. Plejofte eksterlandanoj abomenas ĉi tiun frandaĵon, kiu ŝajnas aspekti pli-malpli kiel "feko" pro sia malhel-bruna koloro. Sed tiuj, kiuj tamen kuraĝas gustumi ĝin, rimarkas, ke temas pri vera bongustaĵo!

La unua de majo estas grava *internacia laborista festo*, kiun oni festas ankaŭ en Finnlando. Maldekstraj partioj – ofte kune kun laboristaj sindikatoj – aranĝas marŝajn procesiojn kun sloganoj de socialaj postuloj. Kutime iu grava maldekstra politikisto aŭ sindikata oficisto festparolas.

La unua de majo estas ankaŭ *printempa festo* kaj festo por studentoj kaj studantoj, kiuj komencas festi jam en la antaŭa tago.

La festo por patrinoj okazas la duan dimanĉon de majo. La *Patrina Tago* estas grava festo. Por tiu tago infanoj desegnas gratulkartojn por la patrino kaj, kune kun la patro, donas al ŝi florojn kaj donacojn. Infanoj, kiuj ne plu loĝas kun la gepatroj, vizitas la patrinon kun donacoj aŭ sendas ilin per poŝto. Malgrandaj infanoj desegnas en lernejoj kaj vartejoj gratulkartojn ankaŭ por siaj avinoj. Dum la lastaj jaroj oni komencis festi ankaŭ Patran Tagon – ĝi okazas en novembro.

Eble la plej grava okazo, krom la Kristnasko, por finnoj estas *Somermeza festo* en la lasta semajnfino de junio. Tiam noktoj estas tre lumaj – eblas eĉ legi nokte sen kromlumo. En la antaŭa vespero de la Somermeza festo oni bruligas festfajron. Multaj homoj festas en siaj somerdometoj, kiuj normale situas ĉe la maro, lag(et)o aŭ rivero. Gejunuloj iras danci ktp., kaj nokte oni ne multe dormas.

Dum festotagoj multaj finnoj, bedaŭrinde, uzas tro da alkoholaĵoj – pro tio iuj dronas aŭ perdas sian vivon en aliaj akcidentoj.

**boaco** – besto, simila al cervo, kiu loĝas en norda Eŭropo kaj Azio
**malto** – ĝerminta sekigita greno, uzata por fari bieron
**sekalo** – speco de herbo

*G*BEGLO *Koffi, Togolando*

Facila

**Estas tempo por labori, tempo por ripozi kaj ankaŭ tempo por ĝoji kune kun aliaj homoj. Tian tempon mi konsideras festo – kaj en nia Togolando ili multegas. Jen kelkaj el ili:**

*Ordinaraj festoj*. Temas pri festoj, kiujn festas ĉiuj tra la mondo. Tiam estas ferioj por la gelernantoj kaj eĉ por kelkaj laboristoj. La plej populara estas la kristnaska kaj novjara festoj. Tiam en ĉiuj domoj estas maro da manĝaĵoj kaj trinkaĵoj. Homoj sur-metas apartajn vestaĵojn, kiujn ili tiucele faras por si. La tuta lando aspektas alie, kaj ĉiuj tuj sentas, ke la tagoj estas tute apartaj.

*Ŝtataj festoj* memorigas pri la historiaj dat-revenoj de la lando (ŝtatestriĝo de EYADEMA*; malsukcesa provo mortigi lin; Sendependectago de Togolando; memortago pri homoj, kiuj batalis por la sendependiĝo de Togolando kaj kiujn mortigis la **koloniistoj**, kaj tiel plu). Dum tiuj festoj preskaŭ nur la **aŭtoritatuloj** kaj kelkaj iliaj kunlaborantoj festas – aliaj togolandanoj restas hejme, ripozante. Ofte okazas ankaŭ **paradoj**.

*Laborista festo*. La unuan de majo festas **sindikatoj**. Okazas parad-marŝoj tra la urboj, kaj la laboristoj prezentas siajn problemojn al la aŭtoritatuloj. En la urboj oni manĝas en la naturo – en la vilaĝoj nenio okazas.

*Tradiciaj festoj*. La registaro de Togolando starigis festojn por ĉiuj naci-grupoj de la lando, sed ĉar tiuj nacioj multas, oni do organizas la festojn nur por la **prefektujoj**. Tiam ĉiuj homoj, kiuj venas de sia prefektujo, partoprenas la feston. Ĉiu prefektujo havas nomon por sia festo, kaj tiuj nomoj memorigas historiaĵojn de la prefektujo. Tiel estas festoj de **ignamoj**, grenoj, **ĉasaĵoj**, batalado ktp.

*Naskiĝ-tagoj* – iuj homoj elspezos amasegon da mono por la naskiĝtago, kun kunmanĝado, dancado, kiuj plenigas la tutan tagon; aliaj tute ne atentas ĝin.

*Religiaj festoj*. Kristanoj, islamanoj kaj voduanoj** havas siajn festojn. Tiajn festojn partoprenas preskaŭ nur la anoj de tiuj religioj – la aliaj nur spektas aŭ estas invitataj kunmanĝi.

*Lernejaj festoj* okazas por festi la dat-revenon de la fondo de la lernejo. Aliaj festoj okazas fine de la jaro por la ĝis-revido de la gelernantoj kaj geinstruistoj. Alia festo estas kultura semajno – la registaro starigis tiun feston por ke la gelernantoj dum unu semajno reiru al la kutimoj de siaj gepatroj kaj tiel enprofund-iĝu en siajn kulturojn, kiuj ofte estas forgesataj pro la lernado de la koloniista lingvo.

*Vilaĝaj festoj*. Antaŭe preskaŭ ĉiuj togolandanoj loĝis en vilaĝoj. Nun, kun la popularigo de mono, ĉiuj ŝatas havi ĉiam pli da ĝi. La vilaĝanoj forlasas la vilaĝojn por labori en urboj – tiel la vilaĝoj malpleniĝas. Oni ne povas lasi la vilaĝojn tute malaperi. Jen do la vilaĝanoj starigis feston kun fiksa dato en la jaro – tiam ĉiuj vilaĝanoj, kiuj loĝas ekster la vilaĝo, reiras al ĝi. Temas pri tre grava revido, ĉar ĉiuj, kiuj disiĝis kun la parencoj kaj geamikoj-vilaĝanoj, nun renkontiĝas. La fino de la festo ĉiam estas malfacile el-ten-ebla. Fluadas **larmoj**.

*Naskaj festoj*. Nasko de infano alportas tute alian ĝojon en la domon. Tiel kelkajn tagojn post la festo la gepatroj invitas kunulojn, samreligianojn ktp. por festi la eventon. En iuj regionoj de la lando la festo okazas tri tagojn post la nasko, en aliaj lokoj – post ok tagoj.

*Ceteraj festoj*. Oni festas ankaŭ geedziĝojn, sukceson en lernejo, altigon de ofico en laborejo ktp., sed tiuj kvazaŭ privataj festoj ofte estas pli ĝuataj ol ĉiuj aliaj festoj.

Festoj ege gravas en nia vivo. Necesas trovi ion por ĝojigi sin, kaj ofte festoj donas tiun okazon. Ni kunfestu. Bonan **apetiton**!

**apetito** – deziro manĝi; oni ofte diras "bonan apetiton!" ĉe la tablo
**aŭtoritatulo** – estro, superulo
**ĉasi** – serĉi, post-kuri kaj mortigi mal-hejmajn bestojn
**ignamo** – manĝebla herbo
**koloniisto** – tiu, kiu okupas teritoriojn ekster sia hejmlando
**larmoj** – ili fluas, kiam ni ploras
**parado** – grava, festa marŝado
**prefektujo** – pli-malpli granda parto de lando
**sindikato** – laborista unuiĝo

* Gnassingbé Eyadéma, antaŭe Étienne Eyadema (1937-2005) – ŝtatestro de Togolando en 1967-2005.
** voduo (vuduo, voduno ktp., ne-N.PIV-a) – religio en Okcidenta Afriko, kiu ankaŭ dis-vast-iĝis en aliaj partoj de la mondo (ĉefe Latin-Ameriko).





# "Mi volus koni tiun ĉi Planedon kaj vivi ĝin!"

**Esperantistoj estas vojaĝemaj – tio estas aksiomo. Ankaŭ mondvojaĝoj ne estas nekutimaj por esperantistoj, kaj al tiu ĉi temo ni eĉ dediĉis specialan numeron (2003:3). Ĉiuj vojaĝoj kaj Esperanto-vojaĝoj estas unikaj, interesaj kaj neripeteblaj. Sed ĉi-foje temas pri tute aparta vojaĝo: kvin jaroj, tra Eŭropo kaj Azio, perpiede! La vojaĝo komenciĝos la naŭan de januaro 2006, kaj la vojaĝanto estas Marino CURNIS [kurniz], 32-jaraĝa italo. Marino opinias ke konsumismo estas la plej malbona el la malamikoj de nia vivo kaj de nia planedo, kaj tial li dediĉis sian vivon al aliaj, nekonsumismaj kaj certe pli interesaj aferoj, kiel arto kaj vojaĝoj.**

***– Vi multe vojaĝis antaŭe, ĉu ne? Rakontu iun historion el viaj antaŭaj vojaĝaj spertoj!***

– Mi komencis vojaĝi en 1998, kaj mia unua vojaĝo estis al Hindio. Mi ĉiam vojaĝis sole, sed mi ĉie renkontis multege da vere specialaj homoj. Tiu vojaĝo plene ŝanĝis mian vivon, aŭ, pli precize, ĝi montris, kiun direkton sekvi. Kaj mi sekvas la direkton de miaj paŝoj al..? Mi ne konas *"al"* kaj *"ĝis"*. Tamen mi volus koni tiun ĉi planedon kaj vivi ĝin! Pasigi la tempon laŭvorte promenante tra la planedo, simple gustumante ĝiajn personojn, ejojn, saporojn*, odorojn, eventojn, kiuj faras ĝin tiel nekredeble alloga.

Vi demandis pri interesa vojaĝhistorio. Bone, la tuta vojaĝo estas interesa historio, kaj tagon post tago mi malkovras ion novan pri la mondo kaj pri mi mem! Mi tre ŝatas ĉion! Mi volus rakonti iun aventuron, sed ili estas tiel multaj, ke mi ne povas elekti iun aparte. Tamen, ofte iu rememorita detaleto portas min jen al meditado ĉe la bordo de Gango, jen al piedirado laŭ santiaga vojo, jen al amikaj babiloj ie en la mondo.

***– Kiel (kaj kiam) naskiĝis la ideo pri la nuna vojaĝo? Kaj kial la projekto nomiĝas "Pedibus Calcantibus"?***

– La plena nomo estas *Eurasia Pedibus Calcantibus*. Pri "Eurazia" estas klare – mi intencas trairi Eŭropon kaj Azion, tio estas mia nuna revo kaj la ŝanco por sukcesigi mian estontecon. *Pedibus Calcantibus* en la latina lingvo signifas "per piedoj, kiuj premas" [la teron]. Per aliaj vortoj, tio estas vojaĝi kaj dediĉi min mem al io ajn, kion mi volas, kiam mi volas kaj kie mi volas. La projekto naskiĝis en mia kapo ankoraŭ en la lernejo, kiam mi ekstudis pri Marko POLO, la Granda Silka Vojo kaj Aleksandro la Granda. Mi sentis profunde en mia koro, ke mi devus vagadi tra la mondo. Poste mi forgesis tiun ĉi senton, ĝis kiam la vivo prezentis al mi ĉi tiun eblon. Do, ekvoje!


Karnavalo en Lanzarote

***– Tute praktikaj demandoj. Vojaĝi kvin jarojn, sen eblo labori, estas ja tre malfacile ne nur fizike, sed ankaŭ materiale. Do, kiu sponsoras/os la vojaĝon? Ĉu vi fakte laboras nun, aŭ planado de la vojaĝo kaj ĉiuj necesaj preparoj prenas la tutan tempon?***

– La projekto estis publikigita januare 2005, kaj mi ja ricevis kontribuojn. Ĉefe, *Eurasia Pedibus Calcantibus* interesas amaskomunikilojn (televido, revuoj kaj ĵurnaloj ktp., ankaŭ interretaj amaskomunikiloj <http://www.eurasiapc.com/Condivis/Eldonoj.htm>; <http://www.eurasiapc.com/02Espera/AmPartnero.htm>). Mi ankaŭ havas sponsorojn, kiuj volas publikigi siajn fabrikmarkojn – ja tiel ili povas diskonigi ilin tra la tuta mondo! Mi ĉefe petas de sponsoroj ekipaĵojn kaj, se eble, monon. Mi ankaŭ petas la helpon de ĉiuj, kiuj deziras gastigi min dum unu tago (nokto). Vi prave rimarkis, la planado forrabas vere tre multe da tempo, tial mi ne laboras konstante, tamen mi foje kunlaboras kiel instruisto.

***– Kaj se mi jam demandis pri la planado, bv. rakonti pli pri tio. Kiel, kiamaniere vi planas ĝin? Kiuj estas la kriterioj viziti unu aŭ alian lokon?***

– Mi planas la itineron per mapoj, kiujn mi trovas en bibliotekoj. Komence mi serĉis interesajn lokojn pro arto, historio, geografio, sed tio ĉi postulas tro longan planadon. Mi pensis, ke mi povus renkonti interesajn aferojn ĉie, tiel mi elektis itineron laŭ kilometroj kaj praktikeco.

***– Ĉu via itinero estas strikte fiksita, aŭ ĉu vi povus variigi ĝin surloke – viziti unu lokon anstataŭ alian ktp.?***

– Ne, nenio estas strikte fiksita. Normale mi ankaŭ ne elektas la itineron de miaj vojaĝoj – mi kutime elektis nur la celon. Tamen, ĉi-foje mi bezonas sponsorojn, tial mi planis la itineron. Sed vojaĝo kiel tiu ĉi havas multajn obstaklojn, ekzemple, enirvizoj, vetero, miaj kruroj kaj miaj piedoj (*ridetas*) – ja la vojaĝo estas tre longa! Do ĝi povus ŝanĝiĝi iam aŭ iom.

***– Verŝajne, vi havas jam klaran bildon, kiel iros la vojaĝo. Kiom da aĵoj vi prenos? Kiuj estas la plej gravaj aĵoj, kiujn vi prenos? Ĉu vi planas tranokti plejparte en tendo kaj ĉe esperantistoj, aŭ tamen en iuj malmultekostaj hoteloj? Kaj same pri manĝado – ĉu vi preferos manĝi en iuj manĝejoj aŭ mem kuiri?***

– Mi prenos bagaĝon, kiu pezos maksimume 12-15 kilogramojn. Mi bezonos dormosakon kaj tendon, montoŝuojn kaj montosandalojn, pluvmantelon kaj ŝanĝvestaĵojn, termobotelon, magnetan kompason kaj paperetojn kun la detaloj pri la vojaĝo. Kvin jaroj signifas kvin malsamajn sezonojn, do necesas ankaŭ malsamaj ekipaĵoj – iu sendos ilin al mi dum la vojaĝo, kiam mi bezonos. Kiam ne eblas uzi tendon, tiam mi tranoktos ĉe gastigantoj aŭ gastejoj (laŭ malaltaj kostoj). Pri manĝado, mi aĉetos ion dum la vojaĝo aŭ iam manĝos en manĝejoj.

***– Kiom da vizoj entute vi bezonos? Mi vidis, ke estas en via plano ankaŭ Nordkoreio – ĉu estas facile eniri ĝin? Ĉu ne estas malfacilaĵoj pri vizoj ĝenerale?***

– Unu el la celoj de *Eurasia Pedibus Calcantibus* estas montri, ke nia planedo ankoraŭ apartenas al ni, ke ne estas limoj, escepte de la naturaj limoj. Mi ankaŭ volas montri, ke eblas trairi tiun ĉi mondon trans ĉiu trudita limo. Tial mi ekde la komenco esperis pri pozitivaj reagoj rilate la vizojn (kaj mi ankaŭ kontaktis eminentajn politikistojn kaj religiulojn por faciligi la aferon). Tamen,

mi ne povas peti vizojn nun, ĉar mi piedirante devas atendi, kiam mi proksimiĝos al la lando, en kiun mi deziras eniri. Tamen mi scias, ke mi havos problemojn nur ekde Irano. Tiuj landoj, kiuj ne permesos min eniri, ne meritos mian ĉeeston (*ridetas*).

***– Kiom da lingvoj vi parolas kaj kiom da lingvoj vi lernas nun?***

– Mi parolas kelkajn. Mi bone parolas Esperanton, la anglan kaj la hispanan, kaj miaj gepatraj lingvoj estas la itala kaj la bergama. Mi ankaŭ iomete konas la nepalan, hindan, rusan, germanan, portugalan, antikvan greka kaj latinan. Ĉi-jare mi pliprofundigis la studadon de Esperanto kaj komencis studi la rusan – tre utila por mia vojaĝo. Mi amas lingvojn kaj certas, ke ili estas la ŝlosilo por kompreni aliajn kulturojn, tial mi volus (post tiu ĉi vojaĝo) pliprofundigi tiujn lingvojn, kiujn mi jam konas – unu lingvon ĉiujare. Mi eklernis Esperanton antaŭ ĉirkaŭ du jaroj, ĉar mi opinias ĝin valida kaj utila lingvo por interkompreno kaj interkulturo.

***– Ĉu vi planas ankaŭ dumvoje kontakti la lokajn amaskomunikilojn, fari intervjuojn ktp.? Vi jam estis en televido, ĉu? Rakontu iom pri tio!***

– Jes, kiel mi jam diris, la amaskomunikiloјn tre interesas mia projekto. Kaj ankaŭ mi bezonas ilin por faciligi la realigon de *Eurasia Pedibus Calcantibus*. Nur dum la unua monato post publikigo de tiu ĉi projekto mi ricevis kelkajn intervjuojn, eĉ en la loka televido, kaj multaj TTT-ejoj aperigis informojn pri mia projekto. Mi ŝatas ĉion, ĉar mi estas iom egocentra (*ridetas*). Sed, senŝerce, tiu ĉi afero estas la celo de mia vojaĝo: disvastigi la ideon pri la beleco de malsameco por pli bona mondo (kaj realigo de miaj revoj)!

***– Ĉu vi skribos taglibron? Ĉu vi verkos por poste eldoni libron pri la vojaĝo?..***

– Jes, mi publikigos taglibron dum la vojaĝo interrete, kaj mi ankaŭ planas eldoni librojn. Fakte, mi amas verki: mi verkas versojn kaj eĉ verkis romanon (itale) *Esploratore Involontario* (Nevola Esploristo). Krome, ĉe la TTT-ejo <www.eurasiapc.com> iu ajn povas senpage aboni “Giornalino di Bordo”, speco de revuo/retletero kun freŝaj informoj pri la vojaĝo. Vi povus ankaŭ kontakti min ĉe mia blogo – <http://blog.vagabondo.net>.

Fotoj: © Marino CURNIS

* **saporo** – gusto

## <Kontaktu>

Ĝeneralaj informoj pri la projekto estas ĉe la paĝo <http://www.eurasiapc.com> (ankaŭ Esperante)
Vi povas lerni pli pri Marino CURNIS ĉe <http://www.eurasiapc.com/02Espera/03Miestas.htm>. Aboni la novaĵleteron pri la vojaĝo eblas ĉe <http://www.eurasiapc.com/Condivis/ Giornalino.htm>.
Vi povas ankaŭ rekte kontakti Marinon – <info@eurasiapc.com> aŭ per la blogo: <http://blog.vagabondo.net>.

# Per piedoj, kiuj premas la teron



*Marino CURNIS, Italio*

**Jam dum pluraj jaroj mi apartenas al la malvasta elito de frenezuloj kaj samtempe revemuloj, kiuj amas pasigi sian tempon sur nia planedo. Eniri tiun ĉi rondon ne estis facila afero – ĝi postulis serion de herkulaj laboroj, kiuj kondukis min mane laŭ tiu ĉi belega strato, al tiu ĉarma ekzisto- kaj vivmaniero: la Vojaĝado.**



Marino en Nepalo, 2001

Ĉio komenciĝis en 1998, sed verŝajne la semo de maltrankviliĝo, serĉado de tio, kion mi neniam trovos, la semo de la malkovro kaj tiu nesubpremebla malkomforta sento puŝanta min al nenombreblaj spertoj, naskiĝis kun mia animo, kaj ili mortos kun ĝi. Estis 1998, la jaro de mia unua vojaĝo, sole kaj ekster Italio – vojaĝo, kiu kondukis min dum tri monatoj en Hindio, puŝante min en tiun dimension, kiu poste fariĝos al mi tiom kara, ĉar ĝi permesis al mi leviĝi al la eterna rolo de Vojaĝanto.

Fakte, mi nun paroladas pri tiu ĉi malvasta aro de frenezuloj kaj revuloj – la Vojaĝantoj, kiuj elektis ĵeti sin persone, kapantaŭen, kuraĝe kaj senkonscie, en la esploron de tiu ĉi mirinda terglobo. Tamen, ankoraŭ nekontenta, mi trovis mian lokon en alia vojaĝant-kategorio sur la Vojo de Santiago de Compostela. Tio estis pli ol mil kilometroj, kiujn mi piediris ekde aprilo ĝis majo 2003 kaj tiel trairis de Francio al Portugalio la tutan Nordan Hispanion. Tiu vojaĝo instigis min elekti mian novan vojaĝmanieron: piedirado.

Piedirado permesas kontakti la homojn, la ejojn, la kulturon, eĉ la ŝtonojn de la lando, kiun oni trairas. Piediri permesas apartiĝi disde rapideco, streso kaj materialismo rilataj al la okcidenta vivstilo. Piedirado permesas profunde kontakti ankaŭ sin mem, malkovrante tion, kio oni estas reale, repaciĝinte kun si. Mi decidis aliĝi al tiu ĉi vojaĝostilo – aŭ vivostilo. Enpenetris min la deziro piedpremi ĉiun unuopan terrandon de nia planedo. Mi volis esti tiu vagabondo, kia mi ĉiam estis en la infanaj revoj. Tiel, en la kaŝitaj **meandroj** de mia menso, reliefiĝis alia infana revo: repaŝi la spurojn de Marko Polo, la mitan Silkvojon. Piede, “pedibus calcantibus”, sen ia ombro de dubo.

Iom post iom la ideo komencis formiĝi, starigi demandojn, peti motivojn. La ideo estis grandega, kaj kun la paso de tempo ĝi eĉ pli grandegiĝis. Tamen, mi estis firma pri ĝia realigo – firma, sed sen urĝo, kvazaŭ **puntiliema** arkitekto, kiu projektas sian plej superan artaĵon.

Mia plano estas vojaĝo el Italio al Japanio kaj reveno, tra 26 nacioj, dum kvin jaroj, trairante 40,5 mil kilometrojn. Oni antaŭvidis etapojn de 25-30 kilometroj tage, trapasante kaj bordumante ĉe famaj geografiaj aŭ historiaj lokoj (kiel la Nigra Maro, la Monto Ararato, Samarkando, la Granda Ĉina Murego ktp.), kun unutaga ripozo semajne.

Per tiu ĉi vojaĝo mi deziras disvastigi tra nia bela terglobo la mesaĝon pri paco kaj solidareco. Ni vivas en la mondo, kiu ofte trudaĉas al ni aĉegajn limojn por elimini plurajn malsamecojn (kulturan, haŭtan, lingvan, religian ktp.), prezentatajn kiel nesupereblajn. Anstataŭe ĝi proponaĉas la “tutmondecon” de la popoloj (per la ekonomio kaj la t.n. politiko), kun la celo samniveligi kaj homogenigi kulturojn, malprofite al nia malsameco. Per mia Vojaĝo, mi deziras montri, vivigi kaj disvastigi la ideon pri beleco de malsamecoj. Ja la mondo estas bela ĉar ĝi estas varia!

**meandro** – kurbiĝo (de rivero k.s.); ĉi tie – figure.
**puntilio** – afero, kiu koncernas ies honoron

# Kion oni festas en Uzbekio?



Navruz: unu el la plej ŝatataj popolaj festoj

FOTO: ANATOLI IONESOV

*Bahodir* H*ABIBOV*, *Vladimir* Ŝ*ĈOTKIN*, *Uzbekio*

**La mondo estas unika. Ĉiu nacio en la mondo havas sian propran kulturon, siajn tradiciojn kaj vojon en la vivo. En ĉiu lando ekzistas festoj, kiuj povas esti oficialaj, ŝtataj, popolaj, familiaj, religiaj, templaj, personaj, sportaj, profesiaj, sezonaj ktp. Iuj festoj ekzistas dum multaj jarcentoj, iuj aperas laŭ la volo de ŝtatgvidantoj, iuj malaperas kiel fantomoj kune kun la reĝimo, iuj naskiĝas kune kun homo (familiaj festoj)... Ni rakontos al vi pri niaj festoj, tradicioj kaj kutimoj, el kiuj vi povos vidi, almenaŭ parte, nian kulturon kaj interrilatojn de homoj en Uzbekio.**

La Tago de Sendependeco de Uzbekio, kiun oni festas ĉiujare la 1-an de septembro, estas festotago kaj ne labora tago. En Uzbekio estas ankaŭ aliaj ne laboraj festotagoj. Ekzemple, la 1-a de oktobro estas la Tago de Instruistoj kaj Mentoroj, la 8-a de decembro estas la Tago de Konstitucio. Ni festas ankaŭ la "kutiman" Novjaron dum la nokto inter la 31-a de decembro kaj la 1-a de januaro.

Ni havas ankaŭ du islamajn festotagojn: *Ramadan Hait* kaj *Kurban Hait*. Ili ne estas en la samaj tagoj ĉiujare – la datoj ĉiam ŝanĝiĝas, ĉar la islama kalendaro estas 10 tagojn pli mallonga ol la gregoria kalendaro. Tiuj festoj estas oficialaj ripoztagoj en Uzbekio. Dum *Ramadan Hait* kaj *Kurban Hait* oni helpas al malriĉuloj: disdonas monon, vestaĵojn, manĝaĵojn kaj aliajn aĵojn al la homoj, kiuj bezonas ilin. Dum *Kurban*-festo tiuj, kiuj povas haĝi* al Mekko, pilgrimas tien, kaj ĉie oni oferas bestojn kaj disdonas viandon al malriĉuloj. Dum Ramadano vespere knaboj iras al hejmoj kaj kantas petkanton:

*Ramadan', Ramadan', monato Ramadan',*
*Neniu manĝas tage en Ramadan'.*
*Eble vi ne ŝatas nian kantadon,*
*ĉar ne havis ni nun iun manĝaĵon.*
*Ĉu vi povas doni ion por la kanton,*
*Al vi donos Dio donacon tre grandan.*

La 8-an de marto oni festas la Tagon de Virinoj. Tiutage ni gratulas niajn patrinojn, filinojn, edzinojn, kunlaborantinojn kaj ĉiujn aliajn virinojn, donacas al ili florojn, donacojn, kelkfoje kisojn; viroj aranĝas por virinoj koncertojn, dancojn ktp.

## La Orienta Novjaro

La 21-a de marto estas printempa festotago *Navruz*** ("nova tago"). Historie en multaj landoj de Centra Azio oni festas tiun ĉi tagon kiel alvenon de la nova jaro laŭ la kalendaro de la naturo – la tagon de vekiĝinta naturo, disvastiĝo de amikeco, kulturaj kaj historiaj tradicioj. Oni festas tiun ĉi orientan Novjaron kun floroj, dancoj, muziko kaj naciaj bongustaĵoj ĉie en Uzbekio.

Sed kial ĝuste la 21-an de marto? Ĉar tiu tago estas la tago de printempa ekvinokso, kiam la tagodaŭro egalas al la noktodaŭro ĉie sur la planedo. Niaj prauloj konsideris tiun ĉi tagon komenco de la astronomia jaro. Antikvaj sciencistoj kaj poetoj skribis, ke oni festis *Navruz*-on dum multaj jarcentoj. Kaj, same kiel antaŭ multaj jarcentoj, junularo kaj gemaljunuloj zorgeme preparas ĉion al *Navruz* – vigle, energie, ĉion lavante, purigante, farbante kaj ornamante la domojn. Semajnon antaŭ la festotago, multaj homoj en Uzbekio partoprenas en komunaj laboragoj *Haŝar* ("senpaga laboro"). Dum tiuj laboroj oni plantas ĝardenojn, faras aliajn komunajn soci-utilajn aferojn renkonte al *Navruz*, kiu ankaŭ estas tago de bonkoreco kaj pardonpeto. En tiu ĉi tago homoj petas unu la alian pri pardono de la ofendoj, vizitas solajn kaj senfortajn homojn, kiuj bezonas helpon, kaj provas helpi kaj fari utilon por malriĉuloj. *Navruz* estas festo de juneco, belo kaj kreemo. Bele dekoritajn stratojn, bulvardojn kaj parkojn de grandaj kaj malgrandaj urboj plenigas muziko, kantoj kaj ridetoj. Profesiaj ensembloj elmontras sian lertecon...

Virinoj kuiras diversajn bongustaĵojn: pilafon (kuirata el viando, karotoj kaj rizo), rostitan viandon (ŝaŝliko), hejme kuiritan kolbason kaj vaporumitajn kuketojn kun viando (*manti*). La sortimento de bakaĵoj, bombonoj, konfitaĵo, fruktoj estas neimagebla, sed inter ili estas la reĝo de ĉiuj bongustaĵoj – *Sumalak*, riĉkaloria kaj la plej grava tradicia manĝaĵo preparita el kuirita suko de tritikaj ĝermoj. Produktado de *Sumalak* estas nepra elemento de preparado al la festeno de *Navruz*. Kutime virinoj, loĝantaj najbare, kolektiĝas kaj partoprenas en la komuna *Sumalak*-farado, sed nur al la plej lerta virino oni konfidas tiun gravan taskon! Ŝercoj, kantoj kaj amuzaĵoj akompanas tiun longan procedon: oni preparas ĝin dum pli ol 24 horoj, en grandaj kaldronoj. Sur la fundon de la kaldronoj oni metas malgrandajn, pure lavitajn, riverajn rulŝtonetojn kaj nuksojn. Laŭ kutimo, tiuj homoj, kiuj ricevos ilin dum la gustumado, estos feliĉaj dum la tuta jaro, kaj ilia vivo estos plenigita per plenumo de la deziroj.

Dum virinoj kuiras *sumalak*-on, ankaŭ loĝantaj najbare viroj ofte kuiras: ili preparas *halisa*-n kaj aliajn tradiciajn naciajn manĝaĵojn. *Halisa* estas manĝaĵo preparita el boligita bovidaĵo, ŝafaĵo, lakto kaj tritiko – same en grandaj kaldronoj kaj dum 24 horoj.

La 9-an de majo oni festas la Tagon de Memoro kaj Honoro, kiam oni rememoras pereintojn de la Dua Mondmilito, kiuj batalis kontraŭ faŝismo, kaj metas florojn ĉe la memor-monumentoj.

## Samarkandaj festoj

Samarkandanoj havas multajn festojn kaj specojn de festenoj, kiel *Beŝik toj* (lulila festeno), *Mojsar giron* (unua hartondado de bebo), *Sunnat toj* (**cirkumcido**), *Muĉal toj* (festeno de 12-jariĝo), *Nikoh toj* (fianĉiĝo), *Pajgambar toj* (festeno de 63-jariĝo). Ĉiuj tiuj festoj havas siajn malnovajn neskribitajn regulojn kaj siajn karakterajn trajtojn.

Ĉiu scias, ke naskiĝo de infano estas granda feliĉa evento por la gepatroj. Pro tio estas kutimo doni donacon al homo, kiu sciigas pri la naskiĝo de infano. Kutime infano iras al parencoj por rakonti pri naskiĝo de bebo, kaj oni ofte donas monon aŭ iun vestaĵon pro tiu ĉi sciigo. Estas tre grave doni la nomon al bebo. Kutime tion faras la plej maljuna membro de



FOTO: ANATOLI IONESOV

Tradicia ceremonio de kondukado de fianĉino



FOTO: BAHODIR HABIBOV

Festaj vestoj

la familio. La nomo devas esti simila laŭ la signifo al la nomoj de la gepatroj, avoj kaj avinoj, fratoj kaj fratinoj. La nomo por bebo ankaŭ povas esti elektita el la sankta libro – Korano.

***Beŝik toj* (lulila festeno)**. Post kiam oni alportis la novnaskitan bebon hejmen, ĉiuj parencoj kolektiĝas por enmeti la bebon en la lulilon. La parencoj alvenas kiel gastoj kaj alportas diversajn dolĉaĵojn, kukojn kaj nacian panon – platajn panbulojn. Oni disdonas ĉion al la najbaroj por sciigi ilin pri la alveno de bebo kaj inviti ilin partopreni la ceremonion de enkuŝigo de la bebo en la lulilon. La lulilo estas la ĉefverko de la homa racio: en vintro estas varme en ĝi pro la spirado de la infano, kaj estas freŝe en ĝi dum somera varmego sub densa kovrilo. La bebo en la lulilo ĉiam estas seka, ĉar en la fundo de la lulilo estas truo kaj troviĝas nokta poto. Do, la bebo tute ne bezonas la bebtukojn...

Maljuna virino kuŝigas la bebon en la lulilon, bone alligas lin, montras al la juna patrino, kiel tion fari, kaj instruas ŝin kiel kanti la lulkanton – tion devas scii ĉiu patrino en Uzbekio. En la lulkanto la patrino deziras al la bebo la plej bonajn dezirojn. Poste en la domo oni kuiras por gastoj la uzbekan nacian manĝaĵon – pilafon. En la fino de la festeno ĉiuj gastoj deziras al la infano la plej feliĉan kaj longan vivon.

***Mojsar giron* (unua hartondado de bebo)**. Kiam bebo fariĝas unujaraĝa, ĉiuj parencoj kolektiĝas festeni tiun daton kaj samtempe la unuan hartondadon de li aŭ ŝi – pli frue oni ne rajtas tion fari. En tiu naskiĝtago la plej maljuna membro de la familio tondas parton de la haroj de la infano – post tiu ceremonio oni povas tondi la harojn en frizejo aŭ kie ajn. Oni disdonas dolĉaĵojn al gastoj kaj ankaŭ al homoj, kiuj ne partoprenis la ceremonion. La festo finiĝas, kaj ĉiuj ĉeestantoj diras al la infano bondezirojn pri longa vivo.

***Sunnat toj* (cirkumcido)**. Cirkumcido de knaboj estas nedisigebla parto de la vivo ĉe islamanoj. En Samarkando la ceremonion de cirkumcido oni aranĝas en la neparaj jaroj de la aĝo de knaboj: 1, 3, 5, 7. La preparoj al tiu ĉi ceremonio komenciĝas kelkajn monatojn – aŭ eĉ jarojn – antaŭe. Krom gepatroj, en la ceremonio partoprenas ankaŭ avoj, avinoj, geonkloj, kaj ĉiuj parencoj prepariĝas al ĝi. La plej proksimaj parencoj alvenas por gratuli la knabon kaj alportas donacojn. Ĉiuj parencoj – geavoj, geonkloj, gefratoj – preparas festenajn


FOTO: ANATOLI IONESOV

Maljuna lulil-metiistino pentrante

vestaĵojn por knabo, liaj gepatroj kaj gefratoj (tio nomiĝas *sar-po* – "riĉa vestado de kapo ĝis piedoj"). La gepatroj de infano samtempe devas doni donacojn al ĉiuj alvenintoj, kiuj alportis donacojn. Gepatroj kudras specialajn vestaĵojn por la knabo. Kutime tio estas ĉemizo, kudrita permane, pufpantalono kaj sako por mono. Kiam cirkumcido jam estas farita, ĉiuj gastoj alvenas al la knabo, kiu kuŝas sur speciala kuŝejo, kaj donas monon por malmultigi liajn suferojn. La gepatroj povas inviti de 200 ĝis 1000 (!) gastojn. La tablo kun manĝaĵoj estas preta por ĉiuj. La gastoj laŭvice sidiĝas al la tablo 3-4 foje. La ĉefa manĝaĵo por la vica kvanto de gastoj estas ĉiam pilafo.

***Muĉal toj* (12-jariĝo laŭ horoskopo)**. Kiel estas vaste konate, la horoskopo ripetiĝas ĉiujn 12 jarojn. Kiam la infano proksimiĝas al tiu aĝo, ĉe la knaboj komencas ŝanĝiĝi la vivmaniero, karaktero kaj konduto. Dum tiu ĉi periodo la knaboj portas blankajn vestaĵojn kaj ĉapon. Krome, ili ricevas specialan kovrilon por preĝado. Post ceremonia vestado, oni ŝutas sur la kapon de knabo bombonojn kaj monerojn. La adoleskanto lernas regulojn de konduto – kion la knabo rajtas kaj devas fari kaj kion li ne devas fari. Ĉar 12-jara aĝo estas lerneja aĝo, oni festenas tion ankaŭ en klasoj de lernejo. En la hejma festeno gastoj eldeziras siajn bondezirojn al adoleskanto.

## Salom, salom, salutsalom!

***Nikoh toj* (Svatiĝo kaj edziniĝo)**. Aranĝi edziĝfeston estas nepra devo por gepatroj en uzbeka familio. Konvena aĝo por geedziĝi estas 18-25 jaroj, sed svatiĝon oni povas aranĝi pli frue. Gepatroj de junulo mem provas trovi fraŭlinon el familio, kiu estas egala al la serĉanta familio. Se ili ekscias pri la junulino nur bonajn onidirojn, ili sendas 3-4 homojn, pli ofte svatistinojn, al ŝiaj gepatroj. Se la svatantoj ricevas anticipan konsenton de la gepatroj, la flanko de la fianĉo uzas la fianĉinan domon por inviti reprezentantojn de ambaŭ flankoj por pridiskuti la aferon kaj aranĝi la sekvan etapon. Dum la sekva periodo oni invitas grupojn po 10-15 homoj de ambaŭ flankoj. Por tiu renkontiĝo la flanko de la fianĉino disponigas ĉion necesan, kaj la flanko de la fianĉo alportas donacojn por la fianĉino.

La sekva etapo de tiu ĉi longdaŭra kaj multpaŝa proceduro de svatiĝo nomiĝas *nikoh toj* – oni organizas ĝin antaŭ la geedziĝfesto. 30-40 homoj de ĉiu flanko renkontiĝas en la domo de la fianĉino. Viroj kaj virinoj sidas aparte; viroj decidas, kion devas doni por geedziĝfesto la flanko de la fianĉo por aranĝi la feston. Virinoj rigardas la aferon de la organiza vidpunkto kaj zorgas pri teksaĵoj, donacoj, ornamaĵoj, dolĉaĵoj de la flanko de la fianĉino. Kutime oni uzas 15-20 aĵojn – vestaĵojn, kompletojn de diversaj vestaĵoj aŭ teksaĵoj, kiuj poste uzeblos dum kelkaj jaroj. Al svatiĝo oni invitas ankaŭ kantistojn kaj dancistinojn. En tiu ĉi etapo ĉio estas multkolora aranĝo.

Post svatiĝo, en la tago de la geedziĝfesto, la flanko de fianĉo sendas siajn homojn al la domo de la fianĉino. La amikoj de la fianĉo kantas specialan kanton ĥore, aplaŭdas sur la strato kaj dancas. Ili faras tion laŭte por sciigi la najbarojn, ke fianĉino estas preta por edziniĝi. Post dancoj kaj kantoj oni invitas


FOTO: ANATOLI IONESOV

Novedzino en sia ĉambro, salutpoze

amikojn de la fianĉo en la domon por gustumi diversajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn. En tiu ĉi tago ankaŭ la gepatroj de la fianĉino sendas siajn parencojn al la domo de la fianĉo kaj poste ili faras la samon ĉe la domo de la fianĉo. Antaŭ ol eniri en la domon de la fianĉo ili paŝadas ĉirkaŭ la fajro.

En sekva tago oni organizas *Ru binon*, kio signifas "rigardi la vizaĝon". Parencoj de la fianĉo alvenas por rigardi la fianĉinon. Sed la spektado ne estas simpla, ĉar por rigardi la fianĉinon ĉiu deziranto devas doni al ŝi iun donacon aŭ monon. Dum tiu spektado oni kantas ŝercajn salutkantojn dediĉitajn al tiuj, kiuj volas spekti.

*Estas li serioza homo, havas du*
*tre grandajn domojn*
*Se vi volas loĝi kune, estu edzino ekde nune.*
*Salom, salom salutsalom,*
*al fianĉo tri salom.*
*Estas ŝi tre granda vortar',*
*scias vortojn de l' homar'*
*Dum minuto ducent tri vortojn ŝi povas diri.*
*Salom, salom salutsalom, al bopatrino salom.*
*Li ne ludas, ne laboras, kiel rozo nur odoras*
*Havas sed li dolorojn, povas aĉeti marojn.*
*Salom, salom salutsalom,*
*al bopatro kvar salom.*
*Gastoj sidas, gastoj staras, ĉiuj ion tie faras*
*Iu fotas kune nin, kliniĝu por gastoj vi.*
*Salom, salom salutsalom, al la gastoj dek salom.*

Post unu aŭ du semajnoj la fianĉo kune kun ĉiuj parencoj vizitas la gepatran domon de la fianĉino. Ankaŭ la parencoj de la fianĉino alvenas spekti ŝin kaj ŝian edzon. Dum 40 tagoj post geedziĝfesto oni rekomendas al la fianĉino ne viziti la domon de la gepatroj. Ĉiuj etapoj de proceduro de svatiĝo kaj geedziĝfesto estas multenombraj, akompanataj de multaj homoj kaj multekostaj.

* haĝo – pilgrimado al Mekko, deviga unufoje por ĉiu islamano.
** *Navruz* (eble, pli ĝuste Noŭruz, sed estas diversaj aliaj skribmanieroj: "Navroz", "Noruz", "Noh Ruz", "Nauroz" k.a., neniu el ili troviĝas en N.PIV) – tradicia festo de la Novjaro laŭ la persa kalendaro, kun profundaj radikoj en Zoroastrismo. Nun ĝi estas festata en Irano, Irako, Afganio, Taĝikio, Uzbekio, Azerbajĝano kaj aliaj partoj de la Centra Azio.

**cirkumcidi** – detranĉi parton de la prepucio (haŭta faldo ĉirkaŭ la penis-kapo), por lasi libera la peniskapon

# Aŭskulti... per ostoj!




FOTO: KOMPLEZE DE LA AŬTORO


TAMAKOŜI *Kunihiko, Japanio*


**En la** halo **Izumi, la urbo Osako, Japanio, okazis stranga** koncerto. **Vespere, la 20-an de septembro 2005, multaj duopoj kun rulseĝo aŭ gvid-hundo eniris en la halon. Kio do okazis tie?**

La nekutima muzik-festo kun la nomo "La tria **songô**-koncerto" estis organizita por mov– kaj vid-**handikapitoj**, kiuj ne povas ofte viziti koncertejojn. Ĉi-jare la muzik-festo okazis ankaŭ por 20 aŭd-handikapitoj, kiuj eĉ pli malofte venas al muzikhalo. Laborantoj de la muzik-halo speciale por ili **instalis vibro-transmisiilojn** en 25 malantaŭaj seĝoj. Japana kompanio *Pioneer* estis la unua en la mondo, kiu realigis tiajn transmisiilojn, post pli ol 30 jaroj da esplorado.

Kiel tio funkcias? Simple – kiel ĉio genia. Sonoj kolektitaj el la **scenejo** estas transformataj en elektron kaj sendataj al vibro-**lamenoj** de la aŭskultiloj. Tio ebligas aŭdi originalajn sonojn per oreloj, aŭ, pli ĝuste, per ambaŭflankaj **miringoj**. Oni povas klare aŭdi (precipe malaltajn sonojn) per vibrado tra **spino** kaj **pelvo**. Bedaŭrinde, la transmisiiloj ne helpas al homoj, kiuj tute perdis sian aŭd-kapablon, sed ili ja helpegas al tiuj, kiuj povas malforte aŭdi sonojn. Iu partoprenanto de la festo esprim-plene **gest**-parolis per la manoj "Kiam mi aŭskultis muzikon per aŭd-helpilo, la ĉirkaŭaj bruoj ĉiam eniris ĝin. Sed hodiaŭ mi povas aŭskulti originalan muzikon per la transmisiilo".

Tiu-nokte la halo kun 821 seĝoj estis plena, ĉar 736 personoj (handikapitoj kaj **akompanantoj**) kaj 17 gvid-hundoj ĉeestis. La koncerto komenciĝis post kiam la **orkestr**-estro, FUZIOKA Saĉio, gest-parolis al la aŭskultantoj kaj ricevis grandegan **aplaŭdon**. La programo konsistis el famaj muzikaĵoj, ekzemple, "La Barbisto el Sevilo" de G. Rossini, "La dormanta belulino" de P. I. Ĉajkovskij, kaj "Tokato" kaj "Fugo" de J. S. Baĥ kaj tiel plu.

La ĉefa allogaĵo de la koncerto por **laikoj**, laŭ mi, estis persone sperti gvidadon de orkestro. Antaŭe tion faris geknaboj kaj vid-handikapitoj kun gvid-hundoj, kiuj speciale por tio iris al la scenejo. Sed ĉi-jare gvidis du **lotume** elektitaj personoj, unu el kiuj estis rul-seĝulo kaj la alia – knabo: ili gvidis la **Filharmonian** Orkestron de Kansai ĉe la komenca parto de la "Hungaraj dancoj numero kvin", kun la helpo de la orkestr-estro. La novaj gvidantoj estis tre ĝojaj, ĉar la orkestr-estro memore al la festo donacis al ili **takto-bastonojn**, per kiuj ili tiel lerte gvidis la orkestron.

Ekde 2003 la celo de la muzik-festo estas **sociala** bono kaj pligrandigo de la kvanto de muzik-amantoj. En Japanio kaj, eble, en la tuta mondo la nombro de homoj, kiuj vizitas muzik-halojn, ĉiam pli kaj pli malgrandiĝas. Male, ĉiam grandiĝas kvanto de gejunuloj, kiuj aŭskultas muzikon pied-irante aŭ veturante, per novaj porteblaj aŭdigiloj, kiel *Walkman* de *Sony* aŭ plej ĝis-date *iPod* de *Apple*.

En la **Renesanca** tempo, kiam naskiĝis moderna muziko, nur malmultaj homoj, kiel reĝoj kaj **aristokratoj**, povis **distri** sin per ĝi – nuntempe multegaj homoj povas ĉiam kaj ĉie plezurigi sin per **surbendigita** muziko. Mi tamen rekomendas senpere aŭskulti "vivan" muzikon. Estas bone ĉeesti en la vera loko, kie muzikistoj energie kaj **elegante** ludas nur por la ĉe-estant-aro, ol aŭskulti ĝin surbendigitan, eĉ en perfekta formo post multaj refaroj. Krome, estas pli bone ke ankaŭ handikapitoj ĉeestu kaj partoprenu en ĝi, ĉu ne? Aparte nuntempe, kiam ni povas fari tion pli facile kompare kun la antaŭa tempo, per la transmisiilo de ostvibrado.

Ni faru tian socion, kie ordinaruloj kaj handikapitoj povu bone kun-vivi kaj senti nuntempon surbaze de inter-kompreno. Ni faru tion ne nur el la vidpunkto de la sociala bono, sed ankaŭ por ke ni povu pli libere kaj komforte vivi – same kiel ni povas senbare komunikiĝi kun parolantoj de malsamaj lingvoj kaj pliprofund-igi inter-komprenon per nia pont-lingvo, Esperanto.

**akompani** – esti aŭ iri kun iu
**aplaŭdo** – montrado de ŝato per kun-frapado de la manoj
**aristokrato** – homo, kiu apartenas al la "supro de la socio"
**distri** – amuzi, plezurigi
**elegante** – bele, gusto-plene
**filharmonio** – nomo de diversaj muzikaj aŭ koncertaj societoj
**gesto** – esprima movo de korpo, ĉefe de brakoj aŭ manoj
**halo** – granda publika ĉambrego
**handikapi** – malhelpi normalan aktivadon de la homo per iuj malavantaĝigoj
**instali** – starigi, meti en la destinitan lokon kaj taŭge aranĝi por ke ĝi funkciu
**koncerto** – muzika kunveno
**laiko –** neprofesiulo, ordinarulo
**lameno** – mallarĝa kaj tre maldika aĵo
**lotumi** – hazarde elekti
**miringo** – parto de orelo, kiu transdonas aervibrojn al la orelaj ostetoj
**orkestro –** muzikistaro
**spino, pelvo** – du plej gravaj kaj grandaj ostaroj de la korpo
**Renesanco** – periodo en Eŭropo en la 15-16-aj jarcentoj
**scenejo** – parto de teatro (halo ktp.), kie oni aktoras (ludas)
**sociala** – tiu, kiu tuŝas la komunajn ekonomiajn interesojn de socio
**songô** – ni vidas ilin kiam ni dormas
**surbendigita** [muziko, filmo ktp.] – "malviva"
**takto-bastono** – (ofte ligna) ilo, kiun oni uzas por gvidi la orkestron (vd. la foton)
**transmisii** – komuniki (energion, forton aŭ movon) de unu maŝino al alia
**vibrado –** tre etaj movoj, sen trans-lokiĝo

## Kalendaroj kaj la Printempa Festo





WEN *Jingen, Ĉinio*


**Kio estas kalendaro? Kalendaro estas metodo decidi tempon. Ĝi diras al ni, kiu tago de kiu monato de kioma jaro estas hodiaŭ, aŭ kiu tago estos morgaŭ ktp.**

Ni scias, ke nia tero iras ĉirkaŭ la suno. La tempo de unu-foja ĉirkaŭ-iro de tero ĉirkaŭ la suno estas unu jaro. Tio estas "suna kalendaro". Laŭ la suna kalendaro, unu jaro havas 12 monatojn aŭ 365 tagojn. La unua tago de jaro estas la nov-jara tago. Ĉar la suno ne estas en la **centro** de la vojo de la tero, la tero iam estas pli proksima al la suno ol en alia tempo. Kiam la tero estas proksima al la suno, ĝi estas varma; kaj kiam ĝi estas mal-proksima de la suno, ĝi estas mal-varma. Tial ni havas printempon, someron, aŭtunon kaj vintron. Hodiaŭ preskaŭ ĉiu lando en la mondo uzas la sunan kalendaron.

Ĉu vi ofte rigardas la **lunon**? Ĝi ŝanĝ-iĝas. Ĝi estas iam **ronda**, iam du-one ronda, kaj iam eĉ malpli. Antaŭ tre longa tempo iuj popoloj (inter ili estis ni ĉinoj) decidis, ke la tago de ronda luno estas la mezo de monato. Tia metodo pri tempo estas la luna kalendaro. Laŭ la luna kalendaro, granda monato havas 30 tagojn, kaj mal-granda monato havas 29 tagojn. Unu jaro havas ĉirkaŭ 354 tagojn. La lun-kalendara jaro estas mal-pli longa je 11 tagoj ol la sun-kalendara jaro. Tial oni al-donas unu pli-an monaton en iuj lun-kalendaraj jaroj, ali-vorte, iuj jaroj havas 13 monatojn.

Dum mil-oj da jaroj ni ĉinoj uzas la lunan kalendaron. Multaj gravaj ĉinaj festoj estas laŭ la luna kalendaro. La sunan kalendaron ni ekuzis antaŭ dekoj da jaroj. Hodiaŭ ni uzas kaj la sunan kalendaron kaj la lunan kalendaron. La sunan kalendaron ni uzas en ĉiu-taga laboro; luna kalendaro diras al ni, kiam la luno estas ronda, kaj kiam ni havas tiun aŭ alian feston. La plej grava festo estas la unua tago de ĉiu jaro. Ankaŭ ĝi havis la nomon "nov-jara tago". Nu, ni uzas du kalendarojn, tial ni havas du "nov-jarajn tagojn". Por klar-eco oni donis al la unua tago de la lun-kalendara jaro novan nomon: printempa festo. Tio estas bona nomo, ĉar la unua tago de lun-kalendara jaro preskaŭ ĉiam falas je la fino de januaro aŭ la komenco de februaro, tio estas, la komenco de printempo. (Kaj la

*Magali kaj Harro von BLOTTNITZ, Sud-Afriko*




# Kiel la ksosoj viriĝas

**Multaj tradiciemaj popoloj en kaj ekster Afriko havas tradician riton por fari el knaboj virojn. La ksosoj estas popolo de Sud-Afriko, kiu nuntempe vivas ĉefe en la sudaj partoj de la lando, en la provincoj Okcidenta Kabo kaj Orienta Kabo. Kelkaj famaj ksosoj skribis pri sia viriĝo; ekzemple la antaŭa sudafrika prezidento Nelson MANDELA en sia vivrakonto rakontis pri la doloroj kaj timoj, kiujn li travivis dum la tagoj de la rito. Sed la ĉefa celo de la rito estas ĝuste stimuli disciplinon kaj fortecon en situacioj de fizika aŭ emocia streĉego.**

Ksosaj knaboj ĝenerale viriĝas kiam ili estas 18-jaraĝaj – kvankam tiu aĝo dependas de familioj kaj de regionoj. Tiam, dum la somerferioj (tio estas en decembro), la estontaj viroj vojaĝas kun siaj patroj al la familia vilaĝo por kuniĝi kun aliaj samaĝaj najbaraj junuloj. Sed la ceremonio okazos for de la vilaĝo, en arbaro aŭ montaro – ie, kie la junuloj estas for de la rutinoj de la ĉiutaga vivo. Tie la junuloj devas konstrui por si mem portempan hejmon nomatan *ibhoma*, el herbo, kano kaj iuj ajn aliaj troveblaj materialoj – ili loĝos tie ĝis la fino de la rito.

La vesperon antaŭ la viriĝo okazas granda festeno por la junuloj kaj la viroj, kiuj akompanas ilin. Oni buĉas kaprinon aŭ pli grandan beston tiel ke estos sufiĉe da viando por la junuloj, kiuj en la sekvontaj tagoj ne manĝos dece. Cetere, la junuloj manĝas tradician maizan kaĉon kaj acidan lakton (*umphokoqo namasi*) kaj trinkas multe da biero kaj brando.

La sekvan matenkrepuskon la junuloj estas kvazaŭ ĉasataj al la plej proksima rivero por bani sin en la malvarma akvo. La simbola signifo de tiu banado estas purigo de la junuloj, sed ĝi havas ankaŭ alian efikon: ĝi mallarĝigas la **vaskulojn** por minimumigi la sangoperdojn ĉar… je la alia flanko de la rivero estas la "*ingcibi"*, la tradicia ĥirurgo, kiu cirkumcidos la junulojn!

Jen kiel Nelson MANDELA priskribas sian cirkumcidon: "Mi estis streĉita kaj timema, necerta, kiel mi reagos, kiam la grava momento venos. Tremi aŭ krii estus signo de malforteco kaj **stigmatizus** la virecon. Mi estis **rezoluta** ne hontigi min, mian grupon aŭ mian akompananton. Cirkumcido estas testo de kuraĝo kaj stoikismo; neniu anestezo estas uzata; viro devas suferi silente. ...La maljuna viro surgenuiĝis vid-al-vide al mi. Mi rigardis rekte en liajn okulojn. Li estis pala kaj, kvankam estis malvarma tago, lia vizaĝo brilis pro ŝvito. Liaj manoj moviĝis tiom rapide, ke ili aspektis kvazaŭ regataj de iu alimonda forto. Sen ajna vorto li prenis mian prepucion, tiris ĝin antaŭen kaj tiam, per ununura movo, malsuprenigis sian *assegai* (**lanceton**). Mi sentis, kvazaŭ fajro kurus tra miaj vejnoj; la doloro estis tiom intensa, ke mi puŝis mian mentonon en mian bruston. Multaj sekundoj ŝajne pasis ĝis mi rememoris la krion, kaj tiam mi rekonsciiĝis kaj ekkriis: '*Ndiyindoda*!' (mi estas viro!)"

Post la cirkumcido la viroj estas kondukataj al siaj kabanoj, kie ili restados dum kelkaj semajnoj, ĝis la vundoj resaniĝos. La unuan nokton ili devas kaŝi en la teron sian prepucion. La sekvaj tagoj estas dediĉataj al flegado de la vundoj kaj al saĝa konsilado por prepariĝi al la plenkreskula vivo.

Dum tiu tempo la viriĝantoj (*amakwetha*) vestiĝas nur per unusola lan-kovrilo, kiu devigas sufiĉan aerumon de la vundo, kaj ili ŝmiras sian korpon per blanka argilo, kiu havas simbolan signifon (denove, pureco), sed ankaŭ protektas la haŭton de la junuloj, interalie kontraŭ la suno (vidu foton).

Tradicia flegisto kaj konsilisto, nomata *ikhankatha*, kuracas la vundojn per plantoj kaj kontrolas ke la junuloj manĝu nur sekan duonkuiritan maizkaĉon – la kvanto de likvaĵo estas severe limigita ĝis kiam la urinado estas sendolora. Post proksimume unu semajno, la nova viro ricevos grandan kvanton de viando (ĝenerale kvaronon de ŝafo) por rekompenci la malsaton de la unuaj tagoj, kaj por la sekvontaj tagoj unu junulino en la vilaĝo respondecos pri kuirado por li.

La *ikhankatha* ankaŭ donas konsilojn kaj kuraĝigojn por la estonta vivo. Grupo de junaj knaboj respondecas pri la komforto de la viriĝantoj: ili faras fajron, alportas manĝaĵojn kaj simple restas ĉe ilia flanko fizike kaj emocie ĝis la fino de la ceremonio. Cetere, aliaj viroj, ĝenerale la patroj de la junuloj, venas de tempo al tempo al la kabanoj por doni aldonan subtenon, plifortigante la kunligitecon inter viroj. MANDELA skribas: "Estis periodo de kvieto, kvazaŭ anima prepariĝo por la malfacilaĵoj de vireco".

Pri la tago de la rehejmiĝo de la viriĝantoj decidas sole la *ikhankatha*, depende de la resaniĝo de la vundoj. Oni tiam petas la virinojn de la familio prepari la feston. Oni faras bieron, buĉas ŝafojn, aĉetas alkoholaĵojn, ĉefe brandon, por ĉiuj ĉeestantoj. La nokto antaŭ la reveno de la junuloj estas festa nokto por ambaŭ flankoj. En la vilaĝo kaj en la kabanoj neniu dormas: ĉiuj kantas, dancas, manĝas kaj trinkegas alkoholaĵojn ĝis la matenkrepusko.

La mateno de la reveno estas la tago de granda ĝojo kaj fiereco por ĉiuj. Forlasante siajn kabanojn, la junaj viroj bruligas ilin kune kun ties enhavo, simboligante la finon de la knabeco. La novaj viroj devas nun foriri sen rigardi reen al la fajro: iliaj rigardoj estu turnitaj al la estonteco. Ili denove banas sin en la rivero, tiel forlavante la blankan argilon kiu kovris iliajn haŭtojn. Post la bano ili ŝmiras sin per ruĝa argilo, la koloro de novaj viroj, kiun ili devos porti du aŭ tri semajnojn.

Je la alveno hejmen, ĉiu junulo estas bonvenigata de ululantaj kaj dancantaj virinoj de la granda familio kaj akceptata de la viroj el la vilaĝo. La *ikhankatha* kaj la aliaj ĉeestantaj viroj devas certigi, ke la junulo realigis la devigojn postulatajn de la tradicio. Tiam la juna viro estas kondukata al ĉambro, kie li restos sub la zorgo de knabinoj el la familio, dum homoj viciĝas por gratuloj aŭ konsiloj, kaj fari donacojn. Li ricevos novajn vestaĵojn kaj ne rajtos reuzi vestaĵojn de sia infanaĝo. Li nun estas viro.

**lanceto** – ĥirurga instrumento, tranĉilo
**rezoluta** – firma en siaj projektoj, senhezita en la plenumado de siaj decidoj
**stigmatizi** – marki, makuli
**vaskulo** – tubeto, tra kiu fluas organisma likvo (sango, limfo)

unua tago de la sun-kalendara jaro falas ĉe ni en la plej mal-varma tempo de la jaro.) Printempa Festo estas ĝoj-plena tago. Por ĉinoj Printempa Festo estas la plej grava festo: ili havas unu liberan tagon en la Nov-jara Tago, sed ili havas sep liberajn tagojn ĉirkaŭ la Printempa Festo. En tiu tago ĉiuj famili-anoj revenas hejmen, amikoj vizitas unu la alian, kaj infanoj **petardas**. Homoj sendas bon-dezirojn unu al la alia. Vintro iras for; baldaŭ venos la tempo de vivo kaj espero – printempo.



rondo


luno


petardo



Volgo-promenejo en Ĉeboksaro

# Mia plej ŝatata festo

*Grupo "Betuleto" de la projekto Interkulturo, Rusio (Ĉeboksaro). Grupgvidanto – Elena Nadikova*

*Diana Kuzjmina:* "Kiu estas mia plej ŝatata festo? Tuj ne eblas respondi… Verŝajne, la Tago de Sankta Valenteno. Dum tiu ĉi tago ĉie regas amo kaj bon-koreco. Sur la stratoj promenas feliĉaj paroj kaj gratulas unu la alian. Iliaj okuloj simple lumas pro la amo! Ĉiuj donacas unu al la alia *valentinkojn* (gratulajn bild-kartetojn) kaj estas bon-**humoraj**. En tiu ĉi tago mi ĉiam penas prepari agrablajn **surprizojn** por miaj gepatroj, ja ili estas kune jam dum preskaŭ 20 jaroj!"

*Marina Abdulkina:* "Dum la jaro estas multe da festoj. Kelkaj estas tradiciaj por ĉiuj landoj, sed nur en Rusio kaj kelkaj aliaj eks-sovetiaj landoj la 8-a de marto kaj la 23-a de februaro estas "ruĝaj" tagoj de la kalendaro (tiel oni nomas festojn en Rusio). La 8-a de marto estas la Internacia Virina Tago kaj la 23-a de februaro – la Tago de la Defendanto de la Patrujo. Pleje mi ŝatas la 8-an de marto. En nia familio ni preparas festan manĝotablon, kaj paĉjo donacas al mi kaj mia panjo donacojn. Li estas aparte atentema al ni dum tiu ĉi tago".

*Irina Vasiljeva:* "Ĉiu havas sian plej ŝatatan feston. Plej ofte ĝi estas Novjaro, Kristnasko, naskiĝtago… Ankaŭ mi ŝatas ilin. Tamen mi havas ankoraŭ unu, apartan, la plej ŝatatan feston – La Tago de la Urbo. Meze de aŭgusto Ĉeboksaro festas sian naskiĝ-tagon. Ekzemple, sekvajare nia urbo fariĝos 537-jara. Dum tiu ĉi tago ĉie okazas diversaj amuzaj aranĝoj: popol-festoj, **konkursoj**, **koncertoj**. Homoj kunvenas kun siaj familioj, promenas, gajas, ripozas. Kutime ni promenas kun geamikoj aŭ familianoj tra la urbo, ĉe la **golfo**, la promenejo de Volgo aŭ vizitas kafejojn. Mia familio tre ŝatas konkursojn pri la naciaj sportoj. Ekzemple, paĉjo ĉiam partoprenas en ŝnur-tirado (nacia popol-ludo). Ankaŭ vizitas nin diversaj famaj artistoj, kaj ni kun plezuro vizitas koncertojn. Kaj finas la **solenaĵojn** mal-fru-vespere festa fajraĵo. La Tago de la urbo iras tre gaje. Tial mi ŝatas ĝin".

*Elena Nadikova:* "Nun Rusio revenigas mul-tajn valorojn, perditajn dum la lastaj jardekoj. Aperis pro tio festoj, kiujn antaŭe ni ne festis. Al mi ege plaĉas tre poezia festo – La Tago de sanktaj Petro kaj Fevronia. Oni festas ĝin la 27-an de julio, kaj ĝi estas la rusa **ekvivalento** de la Tago de Sankta Valenteno. Estas bone, ke en Rusio oni komencis festi la Valenten-tagon, sed ni ja havas propran tagon de amantoj – la Tagon de Sanktaj Petro kaj Fevronia. Ilia mirinda vivo fariĝis ekzemplo de profunda kaj **fidela** amo".

*Saidnabi Saidilhomzoda, Taĝikio*

En nia lando oni festas kaj kristanajn kaj islamajn festojn: kristanoj festas la Kristnaskon kaj **Paskon**; islamanoj – *Ed-e-Fitr* (fine de la Ramadano) kaj *Ed-e-Qorban* (70 tagojn post Ramadano). Religio en nia lando estas libera, sed ĉiuj religianoj festas *Navruz*-on la 21-an de marto. Ni festis ankaŭ 1100-jariĝon de la Samanida Ŝtato – la patrujo de la praavoj de taĝikoj – kaj 80-jariĝon de la urbo Duŝanbe. Ni ankaŭ kun plezuro festas la Amfeston la 14-an de februaro kaj la Virinfeston la 8-an de marto. Ekzistas ĉe ni ankaŭ diversaj aliaj festoj, ekzemple, la Junulara Festo – la 23-an de majo, la Festo de la Armeanoj – aŭ simple Virfesto – la 23-an de februaro, Sendependec-tago – la 9-an de sep-tembro, Mielfesto (somere), la Tago de Konstitucio, Festo de la Policistoj kaj de aliaj strukturaj organizaĵoj de la lando.

Mia plej ŝatata festo – kaj la plej populara kaj festata nuntempe – estas Kristnasko. En tiu ĉi tago mi kore volas kolekti ĉiujn famil-ianojn, sed ĝis nun mi ne sukcesis tion fari pro multegaj kialoj. Ĉiuj homoj festas laŭ la ebloj de siaj familianoj, sed en la urboj oni organizadas diversajn tre interesajn pro-gramojn, koncertojn ktp. Nia popolo festas ĉiujn festojn **grandioze**! En amuzaj festoj (Amfesto, Virinfesto, *Navruz*) homoj dancas, drinkas, organizas kaj ĝuas la festan etoson. Dum la religiaj festoj oni vizitadas la famil-ianojn, geamikojn, konatojn kaj, se estas bezonate, oni preĝas por tiuj homoj, kiuj forla-sis nin en tiu ĉi mondo. Samtempe preskaŭ ĉiuj klopodas helpi laŭ siaj ebloj la plej malriĉajn homojn, sengepatrajn infanojn, **blindulojn** ktp.

**blindulo** – tiu, kiu ne povas vidi
**ekvivalento** – similaĵo
**fidela** – fidela amiko neniam lasos vin en mal-facilaĵo
**golfo** – parto de la maro, rivero
**grandioze** – grande, multe, bele
**humoro** – se oni havas bonan humoron, oni gajas; se oni havas malbonan humoron – oni malgajas aŭ koleras
**koncerto** – muzika kunveno
**konkurso** – antaŭ-aranĝita batalo
**Pasko** – printempa religia festo de la reviviĝo de Kristo
**solena** – oficiale grava
**surprizo** – io neatendita

## Interkultura konkurso: rezultoj

**Aŭtune 2004 projekto Interkulturo <http://interkulturo.net> kaj *Kontakto* lanĉis komunan konkurson pri la plej interesa (amuza, pensiga, malgaja aŭ freneza) interkultura situacio, kiun vi spertis. Kaj jen venas la tempo nomi la gajnintojn! Ili estas kvin – tri de Interkulturo, la aŭtoroj de la subaj rakontoj (ĉiuj tri estas partoprenantoj de la IK-seminario en Sarajevo en 2004) kaj du de *Kontakto*: Aneta Ubik, Germanio (kun la rakonto "Saluton, sinjoro Mefito") kaj Pasportservano (kun la rakonto "Li vizitis min pasportserve"), ambaŭ el *Kontakto* 204, 2004:6. La gajnintoj rajtas je unu el tri specoj de donacoj: varoj el la Libroservo de UEA kontraŭ la sumo de 10 eŭroj; jara abono de *Kontakto* (se vi ne estas en TEJO) aŭ la lasta produkto de la projekto "Flugiloj" – 12-aŭtora manlibro por E-instruistoj, ĉefredaktita de Katalin Kovats. Karaj gajnintoj! Bv. kontakti la kasiston de TEJO, Katja Ignatjeva <katja@tejo.org>, por sciigi al ŝi pri via elekto! Ne forgesu indiki vian nomon kaj adreson!**

### Historio 3

**Mi loĝas en urbo en Anglio, kie loĝas ankaŭ multaj ali-landanoj. Ambaŭ miaj najbaroj estas pakistanaj familioj.**

Kiam miaj gepatroj – italoj, kiuj loĝas en Italio – vizitis min, ili konatiĝis kun miaj najbaroj. En Pakistano la gepatroj estas ege gravaj, kaj por montri **respekton**, miaj najbaroj ĉiam vizitis miajn gepatrojn en mia domo kaj kunportis multe da manĝaĵoj. Por miaj gepatroj estis pena afero manĝi ilin, ĉar ili ne kutimas al ege spicaj manĝaĵoj. Do ili penis manĝi tiujn spicaĵojn, sed ili faris tion nur por ne ŝajni malafablaj. Miaj gepatroj estis iom ĝenataj de la multaj vizitoj, ĉar en norda Italio oni sufiĉe multe respektas **privatecon** de la domo. Miaj gepatroj **interpretis** tiujn vizitojn kiel **altrudadon**, dum miaj najbaroj – kiel afablecon kaj zorgemon. Miaj gepatroj, krome, sentis ke ili devas doni al miaj najbaroj manĝaĵojn; sed vere miaj gepatroj volis nur ferii kaj ne zorgi pri tio.

Alia problemo estis donacoj. En Italio, kiam oni vizitas familion, oni kutime kunportas donacojn nur por la infanoj, aŭ unu por la tuta familio (ekz. dolĉaĵojn). Male, en Pakistano oni kutimas donaci ion al ĉiuj membroj de la familio. Krome, en Italio ege gravas bone paki la donacojn per bela kolora papero, sed en Pakistano ne tiom gravas la pakaĵo.

Por ne krei kulturajn **ŝokojn** al ambaŭ flankoj kaj eviti ofendiĝojn, mi simple ĉiam aĉetas individuajn donacojn por ĉiuj membroj de la pakistanaj familioj kaj ŝajnigas ke ilin sendis miaj gepatroj. Kaj inverse, kiam miaj pakistanaj geamikoj sendas donacojn al miaj gepatroj, mi ĉiam pakas ilin bel-aspekte.

### Historio 7

Mi laboris kiel **vartistino** antaŭe. Mi ĉiam pensis ke por infanoj estas bone ludi ekstere. Laŭ mi, infanoj ludu ekstere kiel eble plej multe, ĉar tio estas bona por la sano, kaj ili preskaŭ ĉiam ege ŝatas tion. Sed antaŭ iom da tempo mi havis konflikton kun familio, kiu transloĝiĝis al Nederlando de alia lando. Ili pensis ke se ilia filino ludos ekstere, ŝi malsaniĝos. Ili ankaŭ ĉiam vestis la filinon per **elegantaj** vestaĵoj, dum aliaj infanoj estis vestitaj per tute praktikaj vestaĵoj, por ke ili povu facile ludi kaj ne tiom zorgi se la vestaĵoj malpuriĝos. Do ni havis tute malsamajn vid-punktojn pri la sama afero.

### Historio 10

Dum la TEJO-seminario en Sarajevo (Bosnio kaj Hercegovino) aliaj esperantistoj kaj mi promenis en fora urbo-parto. Antaŭ korto mia esperantista amiko haltis kaj alparolis du virinojn, kiuj sidis tie trinkante teon. Li provis kelkajn lingvojn, kaj kiam unu el la virinoj ekaŭdis la germanan vorton, ŝi venigis alian viron kaj knabon. Ili parolis la germanan kaj rakontis, ke ili iam loĝis en Germanio. Do ni multe interparolis: ni rakontis kial ni estas en Sarajevo, kion ni faras, kio estas Esperanto ktp.., kaj ili rakontis pri sia vivo kaj multaj diversaj aferoj. Ili invitis nin trinki teon kune kaj estis ege afablaj. Ni tute ne havis interkulturajn problemojn. Estis tre interesa kaj bela sperto.

**al-trudi** – devigi ion kontraŭ la volo
**eleganta** – bela, gusto-plena [pri vestaĵoj k.s.]
**interpreto** – (ĉi tie) maniero, en kiu io estas komprenata
**privata** – malpublika, persona
**respekto** – estimo
**ŝoko** – se vi vidas aŭ spertas ion tre strangan por vi, vi povas havi ŝokon
**vartist(in)o** – zorgant(in)o de tre etaj infanoj



# “Pri soldatoj pereintaj dum protektado de la patrujo... kaj pri la viktimoj de malam-agoj”



*Sergeo Tirin, Israelo*

**La festotagoj abundas en Israelo, precipe aŭtune. Hazarda vizitanto dum tiu ĉi periodo povas eĉ ekpensi ke la israelanoj neniam laboras, nur festas – kvankam ĝuste en judismo estas multaj funebro-tagoj: pro la detruo de la Unua kaj la Dua Temploj, pro la murdo de la reĝo Gedalja, kaj pluraj aliaj... Tamen, el ĉiuj tagoj la plej animtira estas ne la religia, sed la ŝtata.**

La 5-an de la monato *ijar* (kutime en majo-junio) oni festas la Sendependiĝon, en la plej israela maniero – per manĝado. Tio estas la “nacia sporto”, ĉefe ŝaŝlikumado, prefere en la naturo. Kiam ne plu estas loko en la naturo (la lando ja estas malgrandeta kaj tro dense loĝata), oni iras en parkojn kaj ĝardenojn, kaj kiam eĉ tie fariĝas tro dense – sur la tegmentoj. Malgraŭ la ĉieaj amasegoj da homoj, ĉiuj estas en gaja humoro.

Sed Israelo estas lando de kontrastoj kaj abruptaj transiroj. Tuj apud piaj ortodoksuloj loĝas ateistoj, florantaj arbaroj en la centro transformiĝas en sekan dezerton sude... La ĝojon pri suvereneco antaŭas profunda funebro – 24 horojn antaŭ la Sendependec-festo okazas la Memortago pri soldatoj pereintaj dum protektado de la patrujo. En la lastaj jaroj al la oficiala nomo de la tago aldoniĝis la vortoj “... kaj pri la viktimoj de malam-agoj”.

Malantaŭ tiu ĉi seka vortumo kaŝiĝas centoj da rompitaj vivoj kaj frakasitaj familioj, kiuj spertis la koŝmaron perdi amatan homon en teroratako; en Israelo ekzistas nocio “familio perdinta anon”, kiu cetere devenas de la sama radiko kiel la vorto “funebro” – oni diras do, ke Israelo estas lando de funebrantaj familioj.

Tamen, neniu el la pereintoj estas forgesita, kaj tio estas la unikaĵo de tiu ĉi memortago. Ne ekzistas monumentoj por nekonata soldato, nek por nekonata teror-viktimo. Ĉiun nomon oni memoras.

Dum tiu ĉi tago ĉiuj homoj en Israelo honoras la memoron de la pereintoj per tri minutoj da silento – vespere je la oka horo dum unu minuto kaj la venontan matenon dum du minutoj la tuta ŝtato haltas, kaj la sola sono penetranta la aeron estas la sirensignalo. La televidekrano la tutan tagon estas dediĉata al la nomoj de tiuj, kies vivoj estis hakitaj... La senĉesaj listoj pludaŭras.

Tiu ĉi tago akre kontrastas kun la festo sekvanta ĝin – de funebro al ĝojo en tiom eta tempodaŭro! Sed antaŭ ol festi, nepre necesas rememori tiujn, kiuj jam ne povas kundividi kun ni la feliĉsenton, oferinte siajn vivojn por fari tiun feston ebla, kaj ankaŭ tiujn, kiuj senkulpe kaj kruele estis senigitaj je la eblo ĝoji kune kun la geamikoj, jubili ĉe parencplena tablo, vivi...

## “Ĉu “trae”, ĉu “pluke”, vi certe trovos ion interesan!”

***Pluke-Traduke*. Traduk- kaj kantalbumo de Paŭlo Moĵajev. 22 titoloj, 64 min., tekstolibreto.**

*Jefim Zajdman, Ukrainio*





Antaŭ kvin jaroj oni diris al mi, ke en la apuda urbo rete studas Esperanton iu mia samurbano, studento de medicina universitato, kiu eĉ ne scias, ke en lia urbo ekzistas aliaj esperantistoj. Pasis monatoj, kaj li vizitis min. Mi trovis jam spertan esperantiston, kiu bone konis E-literaturon, frekventis E-babilejon, havis sian opinion pri la lingva strukturo. Al mia demando, ĉu mi estas la unua viva esperantisto, kiun li kontaktas, li respondis jese. “Do vi ne havis la parolan praktikon kaj sekve ni ne povas interparoli Esperante” – aldonis mi. “Kial?” – respondis li kaj komencis nemalbone paroli. Li progresis tiel rapide, ke baldaŭ li sukcese ekzameniĝis pri Cseh-metoda E-instruado je A- kaj B-niveloj. Poste li ekgvidis la retan kurson “Lernejo de Esperanto” por esperantistoj, kiuj volis altigi la lingvonivelon. Samtempe li komencis plenumi E-kantojn kaj ni eksciis, ke li posedas “oran vocon”. Temas pri Paŭlo Moĵajev (reta kromnomo Mevo), aŭtoro de tiu ĉi disko.

Paŭlo multe tradukas en Esperanton. Inter la unuaj tradukoj estis arioj el la konata muzikalo de A. L. Webber *Evita* kaj kantoj de la fama en Rusio barda duopo *Ivasi*. Poste aperis tradukoj de arioj el aliaj muzikaloj de Webber, de aliaj bardaj kantoj. Kaj antaŭnelonge, kiam li okupiĝis pri tradukado de subtitoloj al kelkaj popularaj sovetiaj filmoj, li tradukis ankaŭ ties kantojn. Tiel iom post iom li “pluke-traduke” kompilis sian koncertan programon kaj registris la unuan diskon, kiun eniris nur liaj tradukoj, neniam antaŭe sonintaj en Esperanto.

Akademia scio de la lingvo, ebliginta al li altkvalite traduki, kaj la “ora voĉo” faras la diskon evento en la muzika E-mondo.

Esenca parto de la disko estas bardaj kantoj, tre populara speco de kantoj, kies tekston kaj muzikon aŭtoras la sama persono. En la landoj de eksa Sovetio nun ofte okazas bardaj festivaloj, kiujn partoprenas miloj da homoj. Inter la bardaj kantoj, prezentitaj en la disko, estas kelkaj kantoj de tre fama aŭtoro M. Ŝĉerbakov (i.a., la kontraŭmilita kanto “Intervidiĝo kun kolonelo”), kelkaj kantoj de la duopo *Ivasi* (i.a., la ŝerca “Bruna pantalono” kaj la tre melodia “Ĉipa bilet’”). Estas kelkaj kantoj de bardoj el Krimeo, la naskiĝ-regiono de la aŭtoro.

La tradukoj de eroj el la mondfamaj muzikaloj *Evita*, *Jesuo Kristo Superstelo*, *La Katoj* de A. L. Webber estas altnivelaj, la plenumo montras, kio estas “ora voĉo”. Sed la kantad-kapablojn de Paŭlo, laŭ mi, plej bone montras la kanto “Sed ĉio tias” de la fama rusia rok-bando “Ĉajf”.

Laŭ sia muzika klero Paŭlo estas pli pianisto, ol gitaristo. Lian pian-akompanon vi ĝuos, aŭskultante la kanton “Olda pian’” el la iam tre populara sovetia filmo *Ni estas el ĵaz-bando*.

Ĉu “trae”, ĉu “pluke” vi aŭskultos la diskon, vi certe trovos ion interesan. Severa gramatikisto ĝuos la lingvaĵon, muzikŝatantoj – la melodiajn kantojn kaj belan kantadon, la rok-ŝatantoj – pecojn el la muzikaloj. Pluke aŭ laŭorde – tutegale, aĉetinte la diskon, vi ne flankenŝovos ĝin, sed de tempo al tempo refrandos la plej ŝatatajn pecojn kaj aŭdigos ilin al la geamikoj.

**La disko haveblas ĉe la eldonanto de la disko, s-ro M. Lineckij: p.k. 91, Kievo-201, UA-04201, Ukrainio; <ml@espero.kiev.ua>.**

**“Mi denove miras, kio en la frua eklezio eblis”...**
*(Letero koncerne la artikolon “Libera spirito”, Kontakto 207, 2005:3)*

Gratulon pro via elstara revuo, kiun ni, Benoît Philippe kaj Hubert Michael Schweizer, Dresdeno/Germanio, ĉiam atente kaj ĝue legas.

La artikolo de Olivier Gaudefroy pri Hipatia estas bonega. Mi ĉiam denove miras, kio en la frua eklezio eblis. Tiam vivis en Kirene (en la hodiaŭa Libio) filozofo Sinesios (370-414), kiu multege engaĝiĝis por siaj samlandanoj: ekzemple, politike ĉe la imperiestro en Konstantinopolo por malpliigo de impostoj, kaj milite kontraŭ atakoj de nomadoj el la dezerto. Per tio li tiom gajnis la konfidon de siaj samlandanoj, ke la kristanoj elektis lin episkopo de Ptolemais, malgraŭ ke li estis nek baptita nek kristano. Li akceptis tion sub la kondiĉo, ke li plue povu sekvi siajn novplatonajn konvinkojn kaj kiel episkopo povu konservi sian edzecon.

Li ege admiris Hipatian kaj korespondadis kun ŝi ĝis sia morto. Pri la murdo de Hipatia (415) fare de besteca plebo li ne eksciis. En sia letero numero 154, la jaro 405, al Hipatia, li raportas pri finverkado de du novaj libroj siaj, unu skribita “pro sankta inspiro”, la alia “pro kalumniado fare de senhontaj homoj”. Li plendas ke “la malklereco de la kalumniantoj estas pli granda ol ilia impertinenteco”. (Antonio Garzya, Torino 1989: Opere di Sinesio di Cirene: Epistole, Operette, Inni)

**Hubert Michael Schweizer, Haus Abu Sina (Domo Aviceno), Dresdeno (Saksio/Germanio) <Glize@aol.com>**

**Tie, teroristo!**

Legante la rubrikon “Opinie” (*Kontakto* 2005:4) mi trovis teroriston! Mia devo estas atentigi vin – ja por neniigi terorismon li konsilas detrui la “malamikan ideologion” Islamon, fermante moskeojn, militante kontraŭ islamaj landoj. Sed kiam ĉiuj islamanoj estus gasumitaj, restos la cerbo de tiu ĉi novterorisma ago, Alexander Gofen kaj liaj adeptoj. Eble li ankoraŭ ne mortigis iun, sed lian alvokon al malamo mi sentas kiel danĝeran instigon al murdo. Bone ke ni jam scias, ke tio ekzistas ankaŭ en Esperantujo.

**Michel Marko, Francio**

**“Ĉiuj ni estas liberaj pensi kion ajn, sed ne estas vere liberaj diri ĉion”**
*(Respondo al la opinio de s-ro Ŝĉotkin, kiu aperis en la rubriko “Opinie”, Kontakto 207, 2005:3)*

Karaj amikoj,

Mi estas tre ofendita de la artikolo pri la gejaj rajtoj, kiu estis publikigita de vi sur la du lastaj paĝoj de via revuo. Ĉi tiu artikolo estis verkita de Vladimir Ŝĉotkin el Rusio [*fakte, el Uzbekio – Red.*] kaj ĝia enhavo estas terura. Mi volas kredi, ke la verko de ĉi tiu artikolo nur respondas al via deziro doni voĉon al ĉiuj, sed la esprimlibero estas ankaŭ limigita de la leĝoj kaj la homrajtoj. Laŭ mia opinio, neniu kuraĝus verki en via revuo naziisman artikolon, kies enhavo parolus pri la supereco de rasoj aŭ kiu evidente asertus ke la ĉinoj estas stultuloj aŭ la nigruloj estas malsuperuloj kiel la simioj, ĉar vi konsiderus tion kiel atakon kontraŭ la homa digno. Sed mi ne komprenas kial vi publikigis ĉi tian artikolon... aŭ jes. Ankaŭ via revuo estas plena de antaŭjuĝoj, same kiel la socio, kaj vi ne konsideris ĉi tiujn insultojn kiel ofendon. Kion vi opinius, se mi dirus, ke vi estas alkoholemuloj, aidosuloj, narkomaniuloj aŭ malsanuloj ĉar vi ŝatas Esperanton?

Ne taŭgas al mi se vi verkas apude la kontraŭopinion; ekzistas aĵoj, kiuj ne estu publikigataj aŭ dirataj ĉar ili ofendas, kaj la leĝoj – almenaŭ en Okcidenta Eŭropo – estas tre klaraj pri la misfamigado kaj la humiligado. Ĉi tiu artikolo, en mia lando, estus deliktaĵo kaj mi povus ĝin denunci.

Fakte, kiam la parlamento de mia lando pridiskutis la leĝon por permesi la samseksan edziĝon, la konservativa partio *Partido Popular* (PP) – la Popola Partio – vokis psikologon Aquilino [akilino] Polanio, kiu defendis la saman opinion kiel s-ro Ŝĉotkin. Ĉi tiu psikologo estis tiam tre riproĉita de ĉiuj politikaj partioj, eĉ de la PP, kiu finfine estis pardonita. Almenaŭ, en mia lando gejoj povas edziĝi laŭvole, kaj nek la socio, nek la familio malaperis.

Do, mi petas de vi iom pli da respekto por iuj ajn aliaj vivmanieroj krom la via, ĉar ni ĉiuj estas homaj estaĵoj kaj la homrajtoj estas por ĉiuj homoj, sen distingo de la raso, sekso, kredoj aŭ la naturo.

Ĉiuj ni estas liberaj pensi kion ajn, sed ne estas vere liberaj diri ĉion, kion ni pensas, ĉar “mia libero finiĝas tie, kie komenciĝas la via”.

Fine, mi nur esperas, ke ĉi tiu artikolo aperos en la venonta numero de *Kontakto* kiel malofendo por ĉiuj gejoj en la mondo – esperantistoj aŭ ne – aŭ, almenaŭ, la redakcio de la revuo aludos ĝin kaj petos pardonon.

**Arturo Jiménez Carretero, <e-officialmail@wanadoo.es>, Hispanio**

*Redakcia noto. Kelkan tempon post kiam venis la letero de s-ro Carretero, ni ricevis ankaŭ leteron de s-ro Ŝĉotkin, rilate la respondon de Joel Amis al lia opinio publikigita en Kontakto 2005:3, sed, bedaŭrinde, ni ne povis publikigi ĝin en tiu ĉi numero pro la manko de spaco.*

**“Homo, kiu vere kredas je demokratio, neniam volus “denunci” homon pro esprimado de opinio”**

Antaŭ ĉio mi diru, ke mi plene konsentas kun s-ro Carretero pri la enhavo de la artikolo de d-ro Ŝĉotkin – ankaŭ mi plene malaprobas ĝin (kaj tio klaras de mia respondo en *Kontakto* 2005:3). Tion dirinte, mi tamen devas forte malkonsenti pri multaj asertoj ankaŭ de s-ro Carratero.

Unue, necesas precizigi kelkajn aferojn. La opinio de s-ro Ŝĉotkin aperis en la rubriko “Opinie”, kie ni klare indikas ke la redakcio neniel respondecas pri la opinioj de la unuopaj homoj. En tiu rubriko la redakcio ne cenzuras – ni nur aperigas tion, kion ni ricevas. Mi tamen decidis aldoni mian kontraŭargumenton ĉi-foje ĝuste pro tio, ke la letero de d-ro Ŝĉotkin estas tiel flamiga.

Due, kvankam mi kiel eble plej forte malkonsentas kun la argumentoj de Ŝĉotkin, kaj eĉ kondamnas ilin, mi tamen per ĉiuj miaj fortoj defendas lian rajton esprimi sian opinion. La esprimlibero estas unu el la ĉefkolonoj de demokratio, kaj se oni konstante kompromitas esprimliberon pro “politika korekteco”, oni kompromitas demokration. Sed, dum mi defendas la rajton de ĉiu homo esprimi sian opinion, mi tamen rezervas al mi la rajton samforte rebati kaj kontraŭargumenti opiniojn, kiujn mi malaprobas (kaj ĝuste tiel mi faris en *Kontakto* 2005:3).

S-ro Carratero diras, ke li povus en sia lando “denunci” d-ron Ŝĉotkin pro tia skribaĵo. Mi vere timus loĝi en lando, kie oni povus “denunci” homon pro opiniesprimado. Ja “denuncado” pro esprimo de opinio neniel apartenas al la terminaro de demokratio – ĝi apartenas al la terminaro de totalismo. Oni tiel dununcis homojn sub Stalino, Hitlero, Franco k.s. Homo, kiu vere kredas je demokratio, neniam volus “denunci” homon pro esprimado de opinio, kiom ajn stulta, malprava aŭ ofenda ĝi povus ŝajni al li.

Laŭ mi, oni ne rajtas simple ignori opiniojn kiel tiujn de d-ro Ŝĉotkin kaj ŝajnigi ke tiaj opinioj ne ekzistas, kaj ke ĉio estas bela kaj roza en la mondo (kiel ŝajne sugestas s-ro Carratero). La fakto estas ke ja ekzistas homoj kun tiaj opinioj kaj sentoj – kaj multaj belaj politike korektaj vortoj kaj agoj ne forigos ilin. Necesas do agnoski tiajn opiniojn por *povi publike disbati ilin per raciaj argumentoj*. Sen diskutado demokratio ne povas progresi.

S-ro Carratero ankaŭ erare supozas, ke mi ne komprenis la ofendecon de la letero de Ŝĉotkin. Mi mem trovas lian leteron tre ofenda. Sed en demokratia socio “ofendeco” ne estas sufiĉa kondiĉo por subpremi esprimliberon. Krome, preskaŭ ne eblas esprimi opinion pri polemika temo sen ofendi iun. Se mi verkas favore pri gejaj rajtoj (kiel mi ja faris, vidu “Kion vere diras la Biblio pri samseksemeco”, *Kontakto* 201, 2004:3), mi certe plaĉos al homoj kiel s-ro Carratero, sed mi samtempe ofendos islamanojn, konservativajn kristanojn kaj ortodoksajn judojn. Simple, kromprodukto de esprimlibero estas tio ke foje iuj homoj ofendiĝas.

S-ro Carratero provas defendi sian aserton ke “*Ĉiuj ni estas liberaj pensi kion ajn, sed ne estas vere liberaj diri ĉion*” citante la faman maksimon “mia libero finiĝas tie, kie komenciĝas la via”. Unue, tio estas tordo de la signifo de tiu maksimo. Ĝi signifas ke mi ne rajtas *fari* ion, kio rekte malhelpas la vivon de alia persono. Sed nur ofendaj vortoj ne povas rekte malhelpi ies liberecon. Ĉiutage mi aŭdas kaj legas aferojn kiuj min ofendas – sed mi ne plendas, ke oni atencas mian liberecon pro tio!

Denove, mi emfazas, ke mi trovas la enhavon de la artikolo de d-ro Ŝĉotkin tre ofenda – kaj miaj favoraj artikoloj kaj mencioj ĉi-temaj en aliaj artikoloj pli ol sufiĉe atestas pri tio. Sed pri tio, ke ni ne cenzuras aŭ subpremas iujn opinileterojn pro ia “politika korekteco”, mi ja neniel pardonpetas. Kiel mi diris, libereco de esprimo estas baza demokratia principo – kaj ni ĉiam donos lokon por la sincera esprimo de ĉiuj seriozaj opinioj (tamen kun eventualaj respondoj aŭ kontraŭargumentoj), ĉu ni aprobas ilin aŭ ne.

**Joel Amis, Usono**

**En la venonta numero ni havas gaston el la jaro 1861!**



# Kotiztabelo de UEA por 2006

| Lando/valuto | MG | MJ(-T) | MA(-T) | SA | Kto | SZ |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstralio/dolaro | 15 | 38 | 95 | 57 | 34 | 190 |
| Aŭstrio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Belgio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Brazilo/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Britio/pundo | 6 | 15 | 38 | 24 | 14 | 76 |
| Bulgario/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Ĉeĥio/krono | 200 | 490 | 1220 | 770 | 460 | 2440 |
| Danio/krono | 65 | 165 | 415 | 265 | 160 | 830 |
| Estonio/eŭro | 5 | 12 | 30 | 19 | 11 | 60 |
| Finnlando/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Francio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Germanio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Greklando/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Hispanio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Hungario/forinto | 1500 | 3700 | 9200 | 5800 | 3500 | 18400 |
| Irlando/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Islando/eŭro | 9 | 22 | 56 | 34 | 20 | 112 |
| Israelo/eŭro | 7 | 18 | 44 | 26 | 16 | 88 |
| Italio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Japanio/eno | 1200 | 3000 | 7500 | 4500 | 2700 | 15000 |
| Kanado/dolaro | 14 | 34 | 86 | 52 | 31 | 172 |
| Malto/eŭro | 6 | 15 | 38 | 24 | 14 | 76 |
| Nederlando/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Norvegio/krono | 75 | 185 | 460 | 275 | 165 | 920 |
| Nov-Zelando/dolaro | 17 | 44 | 109 | 65 | 39 | 218 |
| Pollando/zloto | 20 | 50 | 120 | 75 | 45 | 240 |
| Portugalio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Rusio/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Slovakio/krono | 200 | 550 | 1400 | 900 | 550 | 2800 |
| Svedio/krono | 80 | 210 | 520 | 330 | 200 | 1040 |
| Svislando/franko | 14 | 34 | 86 | 52 | 31 | 172 |
| Usono/dolaro | 10 | 25 | 63 | 38 | 23 | 126 |
| TARIFO A/eŭro | 6 | 15 | 38 | 23 | 14 | 76 |
| TARIFO B/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |

ALIAJ LANDOJ: Luksemburgio laŭ Belgio; San-Marino laŭ Italio; Kipro laŭ Malto; Liĥtenŝtejno laŭ Svislando; Latvio, Litovio kaj Slovenio laŭ Estonio.
TARIFO A: Honkongo, Korea Respubliko, Singapuro, Sud-Afriko,Tajvano.
TARIFO B: Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.
MALLONGIGOJ:
**MG** – Membro kun Gvidlibro
**MJ** – Membro kun Jarlibro
**MJ-T** – MJ malpli ol 30-jara (individua membro de TEJO; ricevas ankaŭ la revuon *Kontakto* kaj la bultenon *TEJO tutmonde*)
**MA** – Membro-Abonanto (ricevas la Jarlibron kaj la revuon *Esperanto*)
**MA-T** – MA malpli ol 30-jara (individua membro de TEJO; ricevas ankaŭ la revuon *Kontakto* kaj la bultenon *TEJO tutmonde*)
**SA** – Simpla abono de revuo *Esperanto* sen membreco
**Kto** – Simpla abono de revuo *Kontakto*
**SZ** – Societo Zamenhof (subtena kotizo aldone al membrokotizo)
**PT** – Patrono de TEJO: 3-oblo de MJ (ricevas *Kontakto* kaj *TEJO Tutmonde*)
**DM** – Dumviva Membro: 25-oblo de MA (ricevas dumvive la samon kiel MA)
**DMJ** – Dumiva Membro kun Jarlibro: 25-oble de MJ (ricevas dumvive la samon kiel MJ)
**Kiel individuaj membroj de TEJO** (MJ-T aŭ MA-T) por 2006 estos registritaj tiuj individuaj membroj de UEA, kiuj estos malpli ol 30-jaraj la 1an de januaro 2006 (t. e. kiuj naskiĝis en 1976 aŭ poste). Ankaŭ Dumvivaj Membroj samtempe membras en TEJO, dum ili estas malpli ol 30-jaraj.
**Eblas aboni** ankaŭ al *TEJO tutmonde* sen membreco en TEJO. La abonprezo estas duono de la MJ-kotizo por la koncerna lando.
**Oni povas pagi** pere de la perantoj de UEA, aŭ rekte al UEA per ĝiro al ĝia banka aŭ poŝta konto, per ĉeko aŭ poŝtmandato, aŭ per kreditkarto.



## Gratule



**La kvinan de aprilo 2005 naskiĝis eta Alma Torabi – la filineto de esperantistaj gepatroj s-ro Reza Torabi kaj s-ino Fariba N. Maĝd. Eta Alma estas irana denaska esperantistino! Gratulegojn al la gepatroj kaj koran bonvenon al nia mondo – kaj nia verda familio – al eta Alma!**

## Kondolence

**La 17-an de oktobro, forpasis en Ŝanhajo sinjoro Bakin (1904-2005), granda literatura majstro de Ĉinio. La redakcio kaj legantaro de *Kontakto* esprimas elkorajn kondolencojn al ĉiuj parencoj de s-ro Bakin – kaj al ĉiuj samideanoj en Ĉinio pro tiu grava perdo. "Kvankam Bakin forpasis, sed por la ĉinaj popolo kaj esperantistoj li ankoraŭ vivas. Li, simile al brilanta lampo, ĉiam lumigos la ĉinan literaturan rondon kaj ankaŭ la koron de ĉinaj esperantistoj" – *El Popola Ĉinio*.**





## Ĉu vi serĉas korespondamikon?

Sendu al *Koresponda Servo Mondskala* jenajn detalojn: nomo, adreso, sekso, aĝo, profesio, geedza stato, kiom da korespondantoj vi deziras, en kiuj landoj kaj pri kiuj temoj. Kunsendu 2 internaciajn respondkuponojn, aŭ, se ili ne estas aĉeteblaj en via lando, neuzitan poŝtmarkon. KSM pludonos viajn informojn al alia(j) korespondemulo(j), kiu(j) konformas al viaj deziroj. Vi ricevos rektan respondon. KSM estas servo de UEA.
Skribu: **Koresponda Servo Mondskala, B.P. 6, FR-55000 Longeville-en-Barrois, Francio**

# Mistera granda kanjono en la Oriento

*Qun Ying, Ĉinio*

**La granda kanjono de Nujiang-rivero troviĝas en la okcidenta parto de la provinco Yunnan, sudokcidenta Ĉinio. Tie loĝas naci-malplimultoj, el kiuj la plejparto estas *lisu*-nacianoj. De miloj da jaroj ili, de generacio al generacio, vivtenas sin de la rivero kaj terkulturado. Pro tio ke la loko estas barita de grandaj montaro kaj rivero, la tieaj ekologiaj kondiĉoj, loĝmedio kaj popolaj moroj restas primitivaj eĉ hodiaŭ, tial oni nomas ĝin "mistera granda kanjono en la Oriento".**

Dum pli ol du mil jaroj post la formiĝo de la tribo, la *lisu*-oj neniam ĉesis migradi. Nun la tuta nombro de lisu-oj atingis 600 mil, kaj plejparto de ili loĝas ĉefe en montregiono kaj duonmontregiono en la *Lisu*-nacia Aŭtonoma Subprovinco kaj aliaj lokoj de Yunnan.

*Lisu*-aj vilaĝoj troviĝas ĝenerale sur sunflankaj montdeklivoj ambaŭborde de la rivero Nujiang. La tieaj plej grandaj vilaĝoj havas ĉ. 100 familiojn, kaj la plej malgrandaj – 10-20. La tradiciaj loĝdomoj de *lisu*-oj estas faritaj el ligno aŭ herbo kaj bambuo. Iliaj produkto-instrumentoj kaj ĉiutagaj iloj portas apartajn naciajn trajtojn. *Lisu*-a vilaĝo konsistas ĉefe el samklananoj aŭ samtribanoj de la sama sango. La familianoj de tri generacioj kutime ne loĝas kune, escepte de la plej juna filo, kiu havas respondecon prizorgi la vivon de la gepatroj en iliaj restantaj jaroj. En la familio, viroj respondecas pri terkulturado kaj komercado, dum virinoj kaj geknaboj pri aliaj laboroj.

Glitkablo, pendopontoj kaj poŝtvojoj estas ankoraŭ vaste uzataj de la *lisu*-oj kiel ĉefaj trafikaj rimedoj. Tio ne nur montras la tieajn mediajn trajtojn, sed ankaŭ notas la historion kaj la nunan vivstaton de la lokanoj. Por *lisu*-oj la glitkablo servas kaj kiel grava trafikilo, kaj ankaŭ kiel normo por juĝi la kuraĝon. Tie mi propraokule vidis lokanojn trapasi la riveron pere de glitkablo – inter ili estis maljunuloj, geknaboj, homoj portantaj pezaĵojn kaj duopaj kabloglitantoj. Kaj tion ili faras kvazaŭ ili simple piediras surtere! Sur la 300 kilometrojn longa rivero Nujiang videblas neniu ŝipo – sed super ĝi pendas glitkabloj el ŝtaldrato kaj pendopontoj larĝaj kaj mallarĝaj. Cirkulas delonge inter la *lisu*-nacianoj la jena popoldiro: "Oni ne estu lisu-viro, se oni ne scipovas uzi glitkablon".

Tie estas vaste konata legendo pri tio, kiel ekestis glitkablo. La legendo diras, ke antaŭ tre-tre longe migrantaj *lisu*-oj sinsekve ekloĝis ambaŭborde de la rivero Nujiang, sed ili malofte interkontaktis pro tio, ke la rivero baris la vojon. Gejunuloj devis esprimi sian amon per reciproka kriado trans la rivero. Paro da geamantoj vivantaj ambaŭborde de la rivero kun torenta akvo malfacilege renkontiĝis, tial ili serĉadis metodojn por transiri la riveron. Iuvespere aperis super la rivero ĉielarko, kaj tio multe inspiris ilin. La junulo hakfaligis bambuojn sur monto, plektis per ili dikan, longan kaj fortikan ŝnuron kaj firme ligis unu ĝian ekstremon al granda arbo.

Poste li sukcesis trovi longan linan ŝnuron, ligis unu ĝian ekstremon al la bambua kaj la alian ekstremon – al sago, kaj plenforte pafis la sagon al la kontraŭa bordo. La fraŭlino levis la sagon, tiris la linan ŝnuron al la bordo kaj fiksis ĝin kun la bambua ŝnuro al roko.

Tio estis la unua glitkablo super la rivero Nujiang. Poste pli kaj pli multaj homoj ekuzis ĝin por transiri la riveron kaj oftiĝis kkontakto inter *lisu*-oj kaj *nu*-oj, loĝantaj ambaŭborde. Antikve, kiam karavanoj vojaĝis laŭ la Sudokcidenta Silka Vojo, multaj komercistoj kaj varoj estis transportataj trans la rivero Nujiang pere de glitkablo. Hodiaŭ tiu tradicia ekscita trafikilo parte montras primitivan staton de la tiea ekologia medio kaj harmonian kunestadon de tieaj loĝantoj kun la naturo.

*Tiu ĉi artikolo kaj fotoj estis afable disponigitaj de la redakcio de* El Popola Ĉinio*.*





FOTOJ: KOMPLEZE DE LA AUTORO